


KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Sabato/Dimanĉo, 25-26 julio 2015 N-ro 1

## Biletoj por la Inaŭguro, Fermo kaj vesperaj aranĝoj

Bv. nepre kunporti la biletojn por la Inaŭguro, Nacia Vespero, Internacia Arta Vespero kaj Fermo, kiam vi iras al tiuj aranĝoj (la biletoj troviĝas en la sama koverto kun via nomŝildo), kaj bv. iri al la salono indikita sur ĝi. Sen la biletoj ne eblos eniri la salonojn.

Por la koncertoj kaj teatraĵo en la vesperoj de mardo kaj ĵaŭdo bv. preni la biletojn (de la aranĝo de via intereso) ĉe la Informejo. Sen la biletoj ne eblos eniri la salonojn. Ne estas permesite preni bileto(j)n por alia(j) kongresano(j), ĉiuj devas persone fari tion.

La partopreno en la Kongresa Balo estas libera por ĉiuj kongresanoj.

## Senpaga reta aliro en la kongresejo

En Lille Grand Palais estas senpaga retkonekto (sendrata). Por uzi ĝin oni devas elekti la konekton "Esperanto Lillo" (malfermi iun retumilon) kaj tajpi la pasvorton: "kongreso100".

## Partopreno en la E-kulturo esplorata

Ĉiu kongresano ricevis en la kongresa sako la enketilon "Partopreno en la E-kulturo". Ĝi estas parto de la esploroj por mia magistra laboraĵo. Estos utile ne nur por mi, sed ankaŭ por Esperantujo, se vi plenigos ĝin kaj donos kelkajn informojn pri via rilato al la E-kulturo.

La enketilo estas unu A4-folio presita ambaŭflanke. Ĝia plenigo postulas ĉirkaŭ 10 minutojn. La plenigitan enketilon bv. meti en unu el la du skatolojn, kiuj troviĝas ĉe la informejo kaj en la libroservo (Schwartz). Antaŭdankon pro via helpo!

Paweł Fischer-Kotowski, KN 152

## Kongresaj ekskursoj

Pro la granda interesiĝo pri la tuttaga ekskurso E10 al Bruĝo estis aldonitaj du novaj grupoj: marde (kun ĉiĉerono) kaj vendrede (sen ĉiĉerono). Krome, oni povas rezervi biletojn por merkredo. Eblas ankaŭ aliĝi al la vizito en la muzeo Louvre-Lens (D5 lunde kaj ĵaŭde), tamen sen ĉiĉeronado. Interesitoj pri tiuj kaj pri aliaj ekskursoj nepre vizitu la Ekskursan Giĉeton.

## Ekumena diservo – programŝanĝo

La Ekumena diservo en la preĝejo Sankta Maŭrico okazos dimanĉe la 26-an de julio je la 17h00-18h00. Je la 18h30 estos la regula paroka meso (katolika) en la franca lingvo, kun aldonitaj legaĵoj en Esperanto kaj kelkaj kantoj en Esperanto. Adreso: 19bis parvis Saint Maurice (je la angulo de la strato "rue de Paris").

Marija Belošević, KN 237

## "Mascarade" de Tivadar Soros

Lunde, 27a de julio je la 17h00 en Librairie Internationale V.O. 53, rue Molinel apud la stacidomo Lille Flandres, okazos prezento de la libro "Mascarade" fare de Humphrey Tonkin, kiu tradukis la originalan Esperantan libron en la anglan, kaj kiu redaktis la duan eldonon de la libro en Esperanto. Prezento en la franca kaj en Esperanto.

## Pupoj por Japanio

Ana Montesinos (KN 2559) kaj Tomoko Kitani (KN 1336) estos ĉe la Rendevua Tabulo en lundo (la 27an de julio) inter la 10-11 AM por akcepti la pupojn sendotajn al la 5a Monda Pupfestivalo, okazonta de la 15a ĝis la 18a de oktobro en Japanio. Anticipan dankon al ĉiuj kunlaborontoj.

## KER-ekzamenoj

La plimulto de la ekzamenoj okazos vendredon, la 31an de julio. Informprelego kaj preparo marde, 10h00-10h45, Babin. Aliĝo eblas ĝis tagmezo de la 30a de julio, ĉe: *http://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj*. Atentu, tre limigitaj lokoj por la kompleksa kaj parola ekzamenoj; post elĉerpiĝo, eblos aliĝi nur al la skriba parto. Pago nepras ĉe la kongresa kaso. Por pliaj informoj: Katalin Kováts; KER-budo; *ker-ekzamenoj@edukado.net*; kaj la KER-ekspozicio.

Katalin Kováts, KN 1343

## Speciala programero kun L.C. Zaleski-Zamenhof

Ekstra podia diskuto kadre de la kongresa temo kun la nepo de L.L. Zamenhof okazos en dimanĉo je la 17h00 - 18h00 en salono Kersaudy (nivelo 11).

# Kleriga Lundo

*Lundon, la 27-an de julio 2015*

## UNUA BLOKO: 10h15 - 11h45

**Eŭritmio**
Tali Wandel

Kiel eblas kultivi vivan aŭskultadon kaj komunikadon inter si mem, grupo da homoj, kaj la mondo samtempe? Tra prelego kaj fizika praktiko de la movo-arto eŭritmio, ni esploru kiel estado de la diversaj artoj kultivas la arton esti homo, kune, kaj la unika individuo kiu ĉiu el ni estas. Eŭritmio estas movo-arto kiu videbligas la paroladon kaj kantadon. Tali Wandel estas profesia eŭritmiistino.

***10h15-11h45, Babin***

**Kant-ateliero de Kajto**
Kajto

*Kanono-farado estas nia hobio. Tiujn humurajn miniaturojn kanti ni ŝatas, kaj laŭte kaj softe. Kanono-fabrikado estas aliula profesio. Sed domaĝe ties sonas alimaniere ol la niaj, ankoraŭ ĉiam pli ofte. Ŝanĝu tion!*

Dum la UK, Kajto kvar-foje prizorgos kant-atelieron, en kiu la plej grava estas la kant-plezuro. Ĉiu estas bonvena por partopreni, ankaŭ tiuj, kiuj supozas, ke ili ne povas kanti. Sub la inspira gvido de Ankie & Nanne la partoprenantoj estos invitataj pasie kunkanti la gajajn, la melankoliajn, la komikajn, la profundsencajn kanonojn kaj refrenojn. Partoprenu 1, 2 aŭ 3 aŭ ĉiujn 4 fojojn en la kant-ateliero 'Kajto Kun-Kant-Kanonado', por helpi superbrui tiujn aliajn kanonojn, kaj finfine silentigi ilin.

***10h15-11h45, Lamas Díaz***

**Grundtvig-partneraj projektoj: kion eblas lerni pri ili kaj el ili?**
Francesco Maurelli, Sara Spanò kaj Edvige Tantin Ackermann, kun intervenoj de aliaj partoprenantoj

Kapabligo, internacia kunagado, interkultura interŝanĝo: per partopreno en internacia edukadprojekto vi havas la ŝancon maturiĝi kaj kreski, kaj kiel personoj kaj kiel aktivuloj.

Venu koni la spertojn de reprezentantoj de organizoj engaĝitaj en "Elloke tutmonden" kaj en "Volontulado kiel persona evoluo", du partneraj Grundtvig-projektoj EU-subvenciitaj, kadre de kiuj Esperanto montriĝas kiel aldona valoro por kunkonstrui kaj plifirmigi internacian kunlaboradon.

Engaĝiĝu kun la partoprenantoj, konatiĝu kun la rezultoj de la projektoj, kaj pripensu ĉu ankaŭ via organizo volas havi similan sperton!

***10h15-11h45, Norvell***

**Prozo en Esperanto: ĉu ni havu minuskomplekson?**
Istvan Ertl. Podianoj: Gerrit Berveling, Nicola Ruggiero, Anina Stecay

Se ni kongresus ankaŭ ĉi-jare en Islando, mi certe lanĉus la demandon kial la sagaoj kaj krimromanoj de trionmiliona komunumo estas tutmonde aprezata, dum pri la beletro de nia lingvanaro (supozeble) pli granda apenaŭ iu scias. Nu, la demando eĉ sen/post Islando aktualas.

***10h15-11h45, Pauli***

**Merkatiko**
Dennis Keefe

Merkatiko troviĝas inter la plej nekonataj kaj miskonataj fakoj en Esperantujo. Tamen, la scienco kaj arto Merkatiko povas esti unu el la plej utilaj fakoj por informi kaj varbi la eksteran publikon al la Esperanto-Movadoj. En ĉi tiu sesio vi lernos pri la partoj de Merkatiko, kiuj povas servi al la Esperanto-Movadoj lokaj, landaj kaj internaciaj. Temoj inkluzivas: celgrupojn, varbadon, informadon, reklamadon, strategion, strategio-ĉenon, internacian merkatikon, disvastiĝon de novaj ideoj kaj Esperanton.

***10h15-11h45, Berthelot***

## DUA BLOKO: 12h00-13h30

**Aikido**
Christoph Klawe, Mireille Grosjean

Per karesoj konvinki la atakanton ne ataki. Jen AIKIDO, senperforta luktarto el Japanio. Vetkonkursoj estas malpermesitaj. AIKIDO ne aperas kadre de la olimpiaj ludoj. La praktikado de AIKIDO estas saniga por la korpo, kaj gvidas al memkono, memregado, memrespekto kaj harmoniaj kontaktoj kun la aliaj.

D-ro Christoph Klawe montros kelkajn praktikajn ekzercojn ne el la sindefenda parto de la arto, sed por sperti la bazan principon (tiel nomataj „Ki-ekzercoj").

***12h00-13h30, Babin***

**Esperanta poezio en Universalaj Kongresoj: rigardo tra la jaroj**
Michela Lipari, Humphrey Tonkin

La centa Universala Kongreso estas bona okazo por konsideri la ligon inter poemoj kaj kongresoj – ekde la unua monda kongreso en Bulonjo kaj la Preĝo sub la Verda Standardo, kiun Zamenhof deklamis antaŭ la tiea kongresanaro. En tiu ĉi kunsido, Humphrey Tonkin kaj Michela Lipari kondukos nin – kun helpo de spertaj legantoj – de kongreso al kongreso spurante la influon de la poezia arto.

***12h00-13h30, Berthelot***

**E@I - 10 jaroj da aktivado (ne nur) por Esperanto – defioj, atingoj, sukcesoj**
Kunordiganto de E@I – Peter Baláž

Dekjariĝo de E@I estas bona tempo por sumigi ties plej sukcesajn atingojn, kaj doni superrigardon pri la ĉiuspeca aktivado de la organizo. Skiza, tamen valora prezento de projektoj de E@I – ĉu retaj projektoj, ĉu aranĝoj aŭ eldonaĵoj. Venu ekscii kion E@I faris, faras kaj faros, kaj kion ĉion vi mem povas praktike utiligi kaj ev. eĉ kunlabori. Prezentitaj estos ĉefe projektoj lernu.net, lingvo.info, deutsch.info, slovake.eu, mluvtecesky.net, cyberhelp.eu, monda.eu, *www.komputeko.net, www.vortaro.net* (reta PIV), SES, KAEST, kaj ni mencios ankaŭ planojn por baldaŭaj projektoj.

*12h00-13h30 Norvell*

**"Pardonu min! Mi ne sciis." Kiel pardonpeti en Esperantujo?**
Kristin Tytgat

En Esperantujo ni kunlaboras kun la tuta mondo, foje sukcese, foje ne.

Ĉu ni kulpas se io malbone iras pro nesufiĉa kompreno de fremda kulturo?

Ĉu ni devas pardonpeti pro tiu manko kaj kiumaniere ni faru tion?

Venu al la interkultura sesio por esplori eblan konduton en tiklaj situacioj sen devi pardonpeti pro via nescio.

*12h00-13h30, Lamas Díaz*

**Ne trolu, trellu!**
Veronika Poór

Organizu vian interretan kunlaboron! Mi jam sukcesis, sukcesu ankaŭ vi!

Amaso da ideoj, projektoj, kaj vi perdiĝas inter la retmesaĝoj, celoj, projektoj? Kiel aliaj solvas tion?

Per Trello, per senpaga interreta mastrumsistemo, kiu jam helpas al multaj esperantistaj kaj ne-esperantistaj teamoj mastrumi siajn kunlaboron, projektojn. Aldone ni ankaŭ traktos kelkajn bazajn konceptojn de projektmastrumado. Dum la sesio ni uzos la ekzemplojn de la projektoj de la ĉeestantoj por vidi kiel Trello estas utiligebla. La sesion gvidos estrarano de TEJO, respondeca pri 4 fakoj kaj samtempe aktivulino en Muzaiko kaj aliaj retaj projektoj, Veronika Poór. La homoj prefere kunportu sian komputilon.

*12h00-13h30, Pauli*

## TRIA BLOKO 13h45-15h15

**Memoroj pri la Japana Katastrofo en 2011**
Hori Jasuo

Montrante per projekciilo fotojn pri la cunamo, Hori Jasuo legos siajn poemojn.

Okazis grandaj tertremo, cunamo kaj la nuklea akcidento en Japanio en 2011. Poste li vizitis la damaĝitajn regionojn pli ol 30 fojojn kaj fotis multe. Okaze de la 4-jariĝo de la katastrofo li eldonis libron "Memoroj pri la Japana Katastrofo", kiu enhavas 160 kolorajn fotojn kun poemoj en la japana kaj Esperanto. Dum la kunsido li deklamos tiujn poemojn, montrante tiujn fotojn.

*13h45-15h15, Babin*

**Kerigaj ludoj en Kleriga Lundo**
Anna Montesinos de Gomis

Ĉu vi volas aldoni ion alian al viaj Esperanto-kursoj? Ĉu ni travojaĝos la mondon kune, malkovrante multon belan, interesan aŭ eble nur kuriozan pri ĝi? Ĉu ni sportumu sen ŝvito? Eble ĉu ni ion alian faros ankaŭ? Kial ne veni por ĝui la spertojn kun ni? Kaj tiel denove ĉi-jare ni havos okazon amuziĝi kaj esperble samtempe lerni ion novan kune.

*13h45-15h15, Lamas Díaz*

**Tradukado en multlingvaj medioj**
Istvan Ertl, Brian Moon

Ĉiu uzanto de Esperanto pli-malpli ofte konfrontiĝas kun problemoj de tradukado inter Esperanto kaj naciaj lingvoj. Por rigardi tiujn problemojn el iom speciala perspektivo, ni proponas konsideri la situacion en organizaĵoj, kiel Eŭropa Unio, kie ĉiutage uziĝas multaj lingvoj.

Sur bazo de praktika tradukado de specimena teksto jam ekzistanta en diversaj lingvoj, ni iom esploros la avantaĝojn kaj la problemojn de Esperanto en tiu ĉi kampo.

*13h45-15h15, Norvell*

**La arto publike paroli**
Humphrey Tonkin

Ekzistas granda diferenco inter tiuj, kiuj bone kaj persvade parolas publike, kaj tiuj, kiuj malsukcesas kapti kaj teni la atenton de siaj aŭskultantoj. Ĉu efikaj publikaj parolantoj naskiĝas au kreiĝas? Ĉu paroli publike en Esperanto estas malsama afrero ol paroli publike en la gepatra lingvo? En tiu ĉi sesio ni lernos kiel plibonigi nian kapablon paroli antaŭ publiko, precipe Esperanto-publiko.

*13h45-15h15, Berthelot*

**Kunkreu elsendon por Muzaiko!**
Volontuloj de Muzaiko

Muzaiko (*www.muzaiko.info*) estas tuttempa tutmonda tutmojosa tutesperanta retradio-kanalo, kiu ludas por vi 24 horojn en diurno muzikon, programerojn, novaĵojn, informojn, raportojn, arkivaĵojn kaj multe pli! Ĉu vi havas ion por diri al la tuta mondo? Jen ebleco por vi tion fari. Dum la sesio jam spertaj kontribuantoj de Muzaiko helpos vin lerni kiel – de la registrado ĝis la alŝutado de la preta elsendo. Oni eĉ kreos veran elsendon, laŭtlegos tekstojn. Venu por spertiĝi kaj krei! Se eblas, kunportu al la sesio komputilon, kapaŭskultilon kaj registrilon.

*13h45-15h15, Pauli*

## Aŭtoraj Duonhoroj (en la libroservo, salono *Schwartz*)

### Dimanĉo – 26.07.2015

**13.00** – Zbigniew Galor kaj Jukka Pietiläinen: „UEA en la konscio de esperantistoj".

**14.00** – István Ertl – „De Postdomo al Beletra Almanako" – Renkontu redaktoron, tradukiston, iomete aŭtoron István Ertl.

**15.00** – Spomenka Štimec: „Cent jaroj da Universalaj Kongreso – cent jaroj da tradukado el/al Esperanto – kroata ekzemplo".

**16.00** – „Interlingvo inter lingvoj" – la dua rikolta esearo de la Belartaj Konkursoj – Humphrey Tonkin, Michela Lipari.

### Lundo – 27.07.2015

**16.00** – Jacques Le Puil – " La minuto priskribita por la sturmo" kaj "Sonĝoj de kristalo", romanoj de Jérôme Leroy (Lilla aŭtoro!).

**17.00** – Vladimir Opletajev – „Rusaj simboloj".

### Mardo – 28.07.2015

**10.00** – Gerrit Berveling:

*ne multe mi por lego presas*
*ne grandas mia saĝo*
*da gajo iom ja necesas*
*do foje jen kantaĵo*

**11.00** – Marjorie Boulton

**12.00** – André Cherpillod

**14.00** – Dima Ŝevĉenko kaj Anna Striganova

**15.00** – Mikaelo Bronŝtejn: „Mi stelojn jungis al revado", nova romano pri E-movado en Sovetio inter du mondmilitoj.

**16.00** – Nicola Ruggiero: „Poezio internacia, antologio de la francigitaj E-poemoj de Akademio Literatura de Esperanto".

**17.00** – Emil Dimov – Mia „Sinonima Vortaro de Esperanto".

**Daŭrigo en la marda numero!**

## Saluton, kongresanoj!

Kiel dum ĉiu Universala Kongreso, UEA kaj LKK ankaŭ ĉi-jare eldonas tagan ĵurnalon, tradicie konatan kiel la Kongresa Kuriero, kaj por la 100-a UK aperontan kun la nomo *Belfrido*. Same kiel ĉiukongrese, ĝia enhavo dependos grandparte de la kontribuoj de la kongresanoj mem, kiuj bonvolu raporti pri siaj kunvenoj, recenzi kongresajn eventojn ktp, kaj poste aŭ meti siajn pecojn en tiucelan skatolon ĉe la kongresaj giĉetoj, liveri ilin ĉe la KK-redakciejo en ĉambro Mekys, aŭ sendi rete al: *redaktoro@gmail.com.* Ankaŭ fotoj en komputila formato estas bonvenaj, same kiel kongresaj anekdotoj kaj rakontoj. Ĉiuokaze bonvenon al Lillo, kaj ĝuu la kongreson!

**Stano Marček, redaktoro**

## Novaj aliĝoj

2485 S-ro Francisco Javier Moleón García, Belgio
2486 S-ro Paul Peeraerts, Belgio
2487 F-ino Wang Fang, Ĉinio
2488 S-ino Li Lu, Ĉinio
2489 S-ro Yang Tie, Ĉinio
2490 S-ino Heike Pahlow, Germanio
2491 S-ino Hélène Paut, Francio
2492 S-ino Iuliia Privedennaia, Rusio
2493 S-ino Tamara Kostiuk, Ukrainio
2494 S-ro Yves Bellefeuille, Kanado
2495 S-ro Jonas Marx, Germanio
2496 S-ro Adrien Boulanger, Francio
2497 S-ro Abdoul Karim Traoré, Francio
2498 S-ino Flavie Elisabeth Wakako Audibert, Francio
2499 S-ro Alexandre Bussereau, Francio
2500 S-ro Benjamin Suard, Francio
2501 S-ino Chantal Bouillet, Francio
2502 S-ro Cyrille Poullet, Francio
2503 S-ino Cathy Barolin-Thiam, Francio
2504 S-ro Didier Kerboull, Francio
2505 S-ro Damien Jaud, Francio
2506 S-ino Diana Sakaeva, Francio
2507 S-ino Dominique Delrieu, Francio
2508 S-ino Dominique Dumont, Francio
2509 S-ro Eric Renwart, Francio
2510 S-ino Flora Markov, Francio
2511 S-ro François Bacabe, Francio
2512 S-ro Gaëtano Boutcher, Francio
2513 S-ro Gilles Benard, Francio
2514 S-ro Hugo Benin, Francio
2515 S-ino Hélène Seigle, Francio
2516 S-ino Marie-Hélène Desert-Sautet, Francio
2517 S-ro Jean-Claude Patalano, Francio
2518 S-ro Jocelyn Edmond, Francio
2519 S-ro Jules Brunet, Francio
2520 S-ro Jean Bourlier, Francio
2521 S-ro Julien Fisher, Francio
2522 JoMo Leclercq, Francio
2523 S-ro Michel Mondon, Francio
2524 S-ino Martine Alo, Francio
2525 S-ro Morice Benin, Francio
2526 S-ino Izolele Manassée, Francio
2527 S-ino Mary Pidoux, Francio
2528 S-ro Edgaras Piščikas, Litovio
2529 S-ino Elena Piščikienė, Litovio
2530 S-ro Edvardas Piščikas, Litovio
2531 S-ro Ad Bos, Nederlando
2532 S-ino Marita Kruijswijk, Nederlando
2533 S-ino Ankie van der Meer, Nederlando
2534 S-ro Nanne Kalma, Nederlando
2535 S-ino Marian Nesse, Nederlando
2536 S-ro Rutger Dijkstra, Nederlando
2537 S-ro Johan Lagerdahl, Svedio
2538 S-ro Nikko Harrison, Svedio
2539 S-ro Martin Wiese, Svedio
2540 S-ro Mathieu Maron, Francio
2541 S-ro Nicolas Scalliet, Francio
2542 S-ro Olivier Catala, Francio
2543 S-ro Pascal Marceillac, Francio
2544 S-ro Paul Marin, Francio
2545 S-ro Robert Naudy, Francio
2546 S-ro Robert Serfati, Francio
2547 S-ro Red Gjeci, Francio
2548 S-ino Romane Coume, Francio
2549 S-ino Sylvaine Le Magadure, Francio
2550 S-ro Thierry Désert, Francio
2551 S-ro Tufuene Mafuila, Francio
2552 S-ro Vince Gaertner, Francio
2553 S-ro Wladimir Msika, Francio
2554 S-ro Xavier Vidal, Francio

**(daŭrigota)**




KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Lundo, 27 julio 2015 N-ro 2

## Junulara Programo de la UK

Ĉu vi ĝuis la trinkomanĝan vesperon sabate? La organizantoj certe jes, dankon pro la bongustaĵoj kaj pro la bona etoso! Se vi ne jam konas la Junularan Programon, trovu la budon de TEJO, aŭ skribu al *junularo@lille2015.fr,* por ekkoni kiuj aliaj interesaĵoj atendas vin! Lunde ni renkontiĝos je la 11-a horo ĉe la elirejo de la kongresejo por kune viziti la bestĝardenon, kaj, kiel ĉiutage, estos ankaŭ vespera programo. Marde kunportu vian biciklon, aŭ skribu al la supre indikita retadreso, por ekscii, kiel vi povas lui biciklon en Lillo!

Veronika Póor, KN 142

## Instruistoj grande, malferme kaj bonnivele

La 48a Konferenco de ILEI ricevis saluton de la urbestro de Ostendo, s-ro Jean Vandecasteele, en la urbodomo. La konferenco havis 168 aliĝojn, do la plej granda en 28 jaroj, kaj inter la tri plej grandaj entute. La partoprenantoj venis el ĉiuj kontinentoj, el 34 landoj, rekordo por ILEI. Interkultura stratfesto kaj Lingvo-Festivalo prezentis nian bunton al la publiko. Okazis altnivela simpozio pri la konferenca temo – 'Post grandaj militoj la granda paco' – kun movadaj kaj ekstermovadaj prelegoj. Stefan MacGill, KN 56

## Kio estas Belfrido?

Jen demando de pluraj kongresanoj. La respondo (laŭ Vikipedio): Belfrido estas konstruaĵo, en kiu troviĝas gvatoalarmo kun sonorilo, ofte Kariljono. La vorto "Belfrido" devenas de la malnova franca vorto *berfrei*, kio devenas de la ĝermana *bergan* (protekti) kaj *frithuz* (paco). Origine belfrido estis gardoturo por sin protekti kontraŭ malamikaj atakoj.



## Alvoko al Junaj Oratoremuloj

Ankaŭ la 100-a Universala Kongreso donas la ŝancon al junaj kongresanoj (ĝis 30-jaraĝaj) elprovi sian paroltalenton en Oratora Konkurso. Eblas elekti inter tri temoj: „Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj", „Esperantismo kaj aliaj sociaj movadoj: ĉu eblaj aliancanoj", „Ĉu hodiaŭ Zamenhof kreus Esperanton?". Pri elektita temo oni parolu libere, sen antaŭpreparita teksto. Eblas havi memorigajn notojn. La maksimuma daŭro de oratorado ne povas superi 10 minutojn. Anoncojn atendas UEA-estrarano pri kulturo, Barbara Pietrzak (KN 59) minimume unu tagon antaŭ la konkurso, kiu okazos vendrede je la 14h30 en la salono Bakker.

## Ekspozicio "Turoj"

La belfrido en la emblemo de la urbo Lillo inspiris al prelego por la 100a UK (prezento kadre de Kongresa temo, lunde). Apud tiu aranĝo, la aŭtoro Franz-Georg Rössler, kune kun sia edzino Rita Rössler-Buck, kreis per desegnado, fotado, pentrado



kaj cifereca prilaborado serion da 40 turobildoj, kiuj reprezentas la ideon “Turoj en la dialogo de la kulturoj”, plene konforma kun la kongresaj temo kaj urbo. Tiu ekspozicio, ne listigita en la kongreslibro, tamen prezentiĝas dumkongrese en la halo Enderby. KD kun bildoj kaj informa teksto haveblas en la libroservo.

## Jarkunsido de ISAE

Internacia Scienca Asocio Esperanta okazigos sian jarkunsidon marde la 28-an de julio je la 11h30 en salono *Grzebowski* (MRES, 23 rue Gosselet). Oni prezentos la proponojn naskitajn de la ĵus okazinta Forumo, organizita de ISAE kiel kontribuo al la jaro Montevideo 60, kaj ankaŭ la ĉeestantoj povos diskuti pri nova projekto por plibonigi la sistemon de publikigo de *Scienca Revuo,* kaj faciligi la kreadon de kunlaborantaj retoj, por stimuli la sciencan aplikon de Esperanto.

José Antonio Vergara, KN 55

## Faka ekskurso de IFEF

Mardon la 28-an de julio 2015 matene okazos faka vizito de la Regejo kaj Trafikreguligejo de Lille. Temas pri la loko, kie fervojistoj administras kaj kontrolas la trajntrafikon de la grandrapidaj fervojlinioj al/el Lille: Lille-Paris, Lille-submanika tunelo... La vizito daŭros 45 minutojn kaj la vizitantoj staros antaŭ la murpanelo montrita sur la foto (vidu *http://ifef.free.fr/spip/spip.php?article147*). La vizitantoj ne estos en la labor-ĉambro mem, sed malantaŭ vitra muro. Fervojisto klarigos pri la linioj, kaj interalie povos respondi demandojn pri la komunik-(mal)facilaĵoj rilate la ekspluatadon de la sub-Manika tunelo. Freŝaj informoj troveblas ĉe la supra retpaĝo, aŭ ĉe IFEF-kasisto Laurent Vignaud (*laurent.vignaud@free.fr*).

## Programo MAS (Malkovriga Arta Scenejo)

**Lundo – 27.07.2015**

14h00 – Martin Strid (baladĉendanco el Svedio)
15h00 – Ralph Glomp (ŝlagra popo el Hamburgo)
21h00 – Balo kun Kapriol’ !

**Mardo – 28.07.2015**

10h30 – Dalmi Dolval Delsa (kantoj el Kubo)
11h00 – Geomar Martinez (kanto kun gitaro el Kubo)
13h00 – Martin Strid (baladĉendanco el Svedio)
14h00 – Junaj voĉoj (kantoj kaj dancoj el pola montaro)
15h00 – Anjo Amika (kanzono el Hungario)
16h00 – Unkto & Arto (danco el Venezuelo)
17h00 – FLOranto (tradicia muziko kaj kanto el Hungario)
17h30 Konga Espero (Viktor), afrika muziko el Kinshaso / Kongo

**Ĵaudo – 30.07.2015**

10h30 – Akordeona koncerto de Aleksandro Danko
11h00 – Koncerto de Tatiana (kanzono, piano el Rusio/ Francio)
13h30 – IAV-selektado (IAV-Konkurso)
16h30 – Koncerto-balo folka de Maragan’ (el Francio)
19h30 – JoMo & bodegisto, grupigo por iri al Lapenna move kaj lude, folk-festece (akustike)

**Vendredo – 31.07.2015**

11h30 – koncerto de Junaj Voĉoj
12h00 – koncerto de Vjera (kanzono)
15h00 – Koncerto, Kant-Ateliero, Kajto
16h00 – baladĉendanco, Martin Strid

Floreal Martorell, KN 67

## Publika teama debato pri egalaj rajtoj

Unuafoje surloke membroj de la kongresa publiko universala povos intelekte, teamete kaj defie praktiki Esperanton antaŭ ĵurioj. UEA lanĉas unuan publikan debaton de du tripersonaj teamoj en defendado kaj kontraŭado de grava propozicio. Temos pri “Internacia lingvo Esperanto egalrajtigas homojn.”

La teamoj parolos antaŭ ĵurio tripersona, salona kaj reta publiko. La tri intervenoj daŭros po kvin minutoj. Ĵurio kaj publiko ĉeesta voĉdonos laŭ pluraj kriterioj. La teamoj mem mastrumos sian agadon. Kandidatoj kaj interesitoj bonvolu veni al preparkunsido dimanĉon, 26 julio, je 18h15 en salono.

## Saluto de Franca Pacmovado

La Franca Pacmovado sendas fratecan kaj paceman saluton al la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lille. Esperantistoj partoprenas la agadon de niaj komitatoj kaj la esperantista movado estas nia partnero en la batalo por paco.

Fakte Esperanto estas sinonimo de egaleco kaj solidareco inter homoj kaj nacioj. Ĝi baziĝas sur la respekto al homaj rajtoj, kaj unu el la ĉefaj celoj de Esperanto estas faciligi internaciajn intelektajn interŝanĝojn kaj helpi proksimecon kaj amikecon inter la popoloj, do plifirmigi la pacon. Tiasence Esperanto estas ilo por konstrui kulturon de paco kaj de malperforto, definitan fare de Unuiĝintaj Nacioj “kiel aro de valoroj, sintenoj, kondutoj kaj vivmanieroj, kiuj forĵetas perforton kaj preventas konfliktojn, elradikante ilian kialojn danke al dialogo kaj traktado inter individuoj, grupoj, kaj ŝtatoj”.

Ni ĝojas, ke esperantistoj starigis la demandon “lingvoj kaj valoroj en interkultura dialogo “kiel ĉefan temon de la UK 2015. Ankaŭ ni alte pritraktas tiun temon kadre de la packulturo, kies agkampo koncernas

toleremon kaj respekton de kultura diverseco, sed ankaŭ libera cirkulado de ideoj kaj informoj inkluzive sciencaj.

Ni bondeziras plenan sukceson al via laboro kaj agoj, kiuj kontribuas al nia kuna ago por starigo kaj defenso de la paco.

Ni deziras pligrandigi nian kunlaboron, precipe okaze de la 21-a de septembro, internacia tago de la paco: okazo por arigi multecon kaj forte esprimi, en tiu mondo malfirma, perforta kaj militema, la paceman volon de la popoloj.

Roland Nivet, kunsekretario de Franca Pacmovado kaj Raoul Alonso, vicprezidanto de la Internacia Asocio de Porpacaj Edukistoj

## Pinĉilumu!

Denove okazas la paroliga ludo de edukado.net pere de kiu ni volas helpi renkontiĝojn de komencantoj kaj spertuloj, helpi ilin interkonatiĝi kaj ekzerci sin en la lingvo. En pluraj lokoj de la kongresejo vi trovas vestaĵpinĉilojn. La verdaj estas por komencantoj kaj la ruĝaj por spertuloj. Prenu unu pinĉilon laŭ via nivelo kaj kiam vi havas tempon kaj ŝatus babili, fiksu ĝin sur vian vestaĵon kaj serĉu personon kun alikolora pinĉilo. Bonvolu ne forgesi forpreni vian pinĉilon, kiam vi ne havas tempon por konversacio. Interesajn renkontiĝojn deziras al vi la teamo de edukado.net.

Pinĉilumu!

Ĉu vi deziras konversacii, praktiki la lingvon, sed vi ne sukcesas trovi parolpartnerojn?

Aŭ ĉu vi jam bone parolas Esperanton, aktivas en la movado kaj ĝuste pro tio simple ne ĉiam havas tempon por babilado?

Ĉu vi ĝojus facile trovi personojn, kiuj volonte babilas kun vi en Esperanto?

Ĉu vi pretus helpi en la lingvoekzercado kaj volonte babilus ankaŭ kun komencantoj?

Kiam vi deziras kontakton kun pli sperta parolanto, fiksu verdan pinĉilon sur vian vestaĵon!

Kiam vi pretas helpi al komencantoj, fiksu ruĝan pinĉilon sur vian vestaĵon.

Kiam vi ne konvenas, ne forgesu forpreni la pinĉilon. ☺

Trovu unu la aliajn kaj babilu !

# Tago de Lernado

*Mardon, la 28-an de julio 2015, salono Bakker*

## TEMO: LA ARTO INSTRUI VALIDE, VALORE, ELKORE

**09.00 Malfermo:** salutoj, transdono de la Premio Mauro la Torre.

**09.20 Jerome CARÉ, Francio:** Konciza prezento de la franca eduksistemo.

**09.35 Renée TRIOLLE, Francio:** Lingvo-instruado: ĉu malfermita pordo aŭ enkaĝigo?

**09.55 Mireille GROSJEAN, Svislando:** Pacedukado: paŝoj al plena konkretiĝo; Raporto pri Tria Tutmonda Kolokvo.

**10.30 Prof. d-ro Alan BISHOP, Aŭstralio:** Valoroj en Esperantujo: ilia karaktero kaj evoluo en edukado

**10.50 Prof. d-ro Ilona KOUTNY, Pollando:** Interkultura komunikado kaj Esperanto en universitata programo.

**11.10 Stefan MacGILL, Hungario:** AMO tra 16 monatoj – Aktivula Maturigo ĉe UEA.

**11.40 D-ro Veronika POÓR, Hungario:** Muzaiko: kiajn kapablojn evoluigas la aŭskultantoj kaj/aŭ kunkreantoj?

**12.00 Paŭzo**

**12.20 Prof. Dennis KEEFE, Ĉinio:** La filozofio de John Dewey kaj la enmeto de internacia kulturo en kursoj.

**12.40 Prof. Nina DANILJUK, Ukrainio**: Interkultura edukado kaj komunikado en la universitata E-centro.

**13.00 Prof. d-ro Duncan CHARTERS, Usono:** Kiel plej efike lerni Esperanton kaj aliajn lingvojn.

**13.20 Prof. d-ro GONG Xiaofeng, Ĉinio:** Kapabligo de transkultura komunikado kaj E-instruado.

**13.40 Prof. D-ro Mark FETTES, Kanado:** Eo kadre de interkulturaj kaj tutmondecaj studoj: Usona eksperimento.

**14.00 D-ro Katalin KOVÁTS, Nederlando:** Lerni Esperanton helpe de moderna teknologio.

**14.35 Stano MARČEK, Slovakio:** Kiel progresas "Esperanto per rekta metodo"?

**14.50 – 15.15 Ĝenerala diskuto / Fermo**

**Gvidantinoj de la programo:** Marija BELOŠEVIĆ (Kroatio) kaj Jennifer BISHOP (Aŭstralio).

## Novaj aliĝoj

2555 S-ro Yannick Le Magadure, Francio
2556 S-ro Michael Boris Mandirola, Italio
2557 S-ro Edward Anderson, Usono
2558 S-ino Jacqueline Huberdeau, Francio
2559 S-ino Ana Montesinos de Gomis, Britio
2560 D-ro Edmar da Silva, Brazilo
2561 S-ro Michele Gazzola, Germanio
2562 S-ro Stéphane Lo Jacomo, Francio
2563 S-ro Alessandro Perna, Italio
2564 Mag. Paola Maria Nigrelli, Italio
2565 D-ro Robb Kvasnak, Usono
2566 S-ro Michel Basso, Francio
2567 S-ro Youngung Kim, Koreio
2568 S-ro Gaetano Furnari, Italio
2569 S-ro Juan Pablo Álvarez, Argentino
2570 S-ro Andreas Diemel, Germanio
2571 S-ro Oswald Soukop, Aŭstrio
2572 S-ro Glen Austin, Francio
2573 S-ro Michael Karpati, Israelo
2574 S-ino Janina Tokarska, Pollando
2575 S-ro Sławomir Korzym, Pollando
2576 S-ro Naotake Isogai, Japanio
2577 S-ro Kunihiko Tamakosi, Japanio
2578 S-ro Guillame Armide, Francio
2579 S-ro Lautari Manuel Croce Martinez, Argentino
2580 S-ino Sarah Durand, Francio
2581 S-ro Josef Trnka, Hungario
2582 S-ino Katarina Farago, Hungario
2583 S-ro Jógerson Pinto Gomes Pereira, Brazilo
2584 S-ino Tina Raciti, Italio
2585 S-ino Indu Devi Thapaliya, Nepalo
2586 S-ro Bharat Kumar Ghimire, Nepalo
2587 S-ro Prakash Ghimire, Nepalo
2588 S-ro Damir Malkoč, Kroatio
2589 S-ro Norbert Pulver, Germanio
2590 S-ro Francisco Orta-Soler, Hispanio
2591 S-ro Tatu Lehtilä, Svedio
2592 S-ino Nidia Pavel, Brazilo
2593 S-ino Ledir Pereira, Brazilo
2594 S-ro Bogoljub Kordić, Serbio
2595 S-ro Jacopo Pigro, Kipro
2596 S-ro Delcimar Valim, Brazilo
2597 S-ro Antoni Badia Planes, Hispanio
2598 S-ro Mauro Viader Olivé, Hispanio
2599 S-ro LucasTeyssier, Francio
2600 S-ro Thurian Lefort, Francio
2601 S-ro Jason Simily, Usono
2602 S-ro Damen Liebling, Usono
2603 S-ro Péter Pál Denke, Hungario
2604 S-ro Eduardo Kozyra, Pollando
2605 S-ro Stanisław Stolz, Pollando
2606 S-ro Marius Bannier-Jacobsen, Francio
2607 S-ino Flora Bannier-Jacobsen, Francio
2608 S-ro Philippe Planchon, Francio
2609 S-ro François Giovanetti, Francio
2610 S-ino Rumyana Budinova, Bulgario
2611 S-ro Ivan Budinov, Bulgario
2612 S-ro Yves Couturier, Francio
2613 S-ro Bernard Tuider, Aŭstrio
2614 S-ino Anstazija Janušoniene, Litovio
2615 S-ino Annaïs Hurstel, Francio
2616 S-ino Catherine Gulot-Guillain, Francio
2617 S-ino Vale Pisaravičiene, Litovio
2618 S-ro Alexander Govea Breuninger, Germanio
2619 S-ino Ghislaine Morenas, Francio
2620 S-ino Sae Sam Nyun, Korea Resp.
2621 S-ino Jogaile Ĉojute, Litovio
2622 S-ino Lucimar Sabah, Brazilo
2623 S-ino Tatiana Maria Linhares, Brazilo
2624 S-ino Diana Robin, Britio
2625 S-ino Nadio Yuki, Japanio
2626 S-ro Hans Welling, Germanio
2627 S-ino Sofia Blaser, Svislando
2628 S-ro Jorge Montanari, Argentino
2629 S-ro Georgo Handzlik, Pollando
2630 S-ino Wiesława Maciejczak, Pollando

## Ekspozicioj multas en la 100a UK!

Pri la detala programo (preciza loko, tagoj) rigardu la afiŝojn en la kongresejo!

**Unua mondmilito kaj Esperanto:** La ekspozicio, realigita de la federacio Espéranto-Bretagne, estas montrita en la franca ĉe MRES ekde lundo (en alia domo ol la kongresejo, sur la strato *23 rue Gosselet*; en tiu domo okazas ankaŭ AIS-prelegoj). La esperantlingva versio estas en *Lille Grand Palais* ekde sabato, la 3a etaĝo, apud aliaj ekspozicioj (Esperanto kaj paco, 10a UK en Parizo, Servo de familia korespondado, Esperanto kaj militoj, Propagando, Alvoko al la diplomatoj, Esperanto kaj Ruĝa Kruco)

**Ĝemelaj Urboj:** Ekspozicio ekde sabato, prizorgita de Raymonde Coquisart.

**La Mirinda Mondo de Muzik-instrumentoj:**
Ĝi okazos en ekspozicia salono de MRES. Temas pri tre riĉa kolekto de Hervé Gonin. Vidu ĉe *http://deptinfo.unice.fr/~renevier/corrections/instrumondeCSS/*.

Estos kvar prelego-prezentoj, ĉiu daŭranta proksimume du horojn kaj entenanta tempon por demandoj kaj eblecon vidi la instrumentojn pli individue. La temoj estas: simbolismo laŭ la diversaj popoloj, evoluo, utiligoj socia, magia, religia kaj la adapto de la instrumentoj al specifa muzika estetiko laŭ la kontinentoj. Marde 13.45-15.45, kaj 16.00-18.00; ĵaŭde 9.00-11.00, 11.15-13.15.

**KER-ekzamenoj:** Ekspozicio prizorgita de Katalin Kováts.

**Pentraĵoj de Francine Longue-Epée:** Instalita en la halo Enderby (*Espace Flandres*) ekde lundo. Temas pri akvareloj kiuj montras "Pejzaĝojn de nia Nordo".

## Scienca kafejo

Ĝi okazos, same kiel AIS-prelegoj kaj pluraj ekspozicioj, en MRES (legu supre, aŭ en la Kongresa Libro, p. 9).

**Ĉu vi trovis perditan objekton?**
**Bonvolu lasi ĝin en la informejo ĉe la enirejo!**

**Aktualaj informoj pri la 100-a UK en Lillo kaj la kongresa kuriero *Belfrido* en pdf-formato troveblas ĉe *http://www.uea.org/kongresoj***




KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Mardo, 28 julio 2015 N-ro 3

## La 100-a UK tutmonde inaŭgurita

La Inaŭguro de la 100-a UK estis ne nur solena sed eĉ tutmonda, ĉar unuafoje en la UK-historio ĝi estis samtempe sekvebla per reta elsendo.

Antaŭ ol d-ro Mark Fettes bonvenigis la ĉeestantojn, la publiko bonvenigis per longa aplaŭdo d-ron L.C. Zaleski-Zamenhof, kiam li eniris la salonon. Ĉeestis ankaŭ la Alta Protektanto s-ro Frédéric Cuvillier, eksministro kaj urbestro de Bulonjo-ĉe-Maro. En sia parolado li invitis la kongresanojn viziti la UK-lulilon en la ekskursa tago, kaj ĝojigis ilin ankaŭ per la plano starigi Esperanto-centron tie.

Xavier Dewidehem bonvenigis la kongresanojn kiel la prezidanto de LKK. Li raportis pri la granda laboro de la organizantoj por plenumi la promeson pri abunda programo kaj pri malfermo de la UK al la ekstera publiko, kiun li faris en Bonaero, kiam li transprenis la kongresan flagon.

Per emociaj salutvortoj la 90-jara d-ro L.C. Zaleski-Zamenhof fermis "karieron", kiun li komencis kiel 9-jarulo en la Stokholma UK en 1934, kie li jam salutis la kongreson nome de la familio Zamenhof. Ekde nun la tradicion daŭrigos liaj filinoj Hanna kaj Margareta, kiu jam parolis en la Lilla inaŭguro post sia patro, legante ankaŭ mesaĝon de sia fratino. ▶

## SALUTPAROLADO DE D-RO INĜ. LOUIS ZALESKI-ZAMENHOF

**Sinjoro Prezidanto,**
**estimataj Honoraj Gastoj,**
**karaj geamikoj alvenintaj al Lillo el diversaj partoj de nia terglobo...**



"En la nomo de la familio ZAMENHOF mi salutas la Kongreson..." Tiujn samajn vortojn mi, tiam naŭjara knabeto, adresis en la jaro 1934 al la Dudeksesa Esperanto-Kongreso en Stokholmo. Hodiaŭ, naŭdekjarulo, mi ilin ripetas, salutante la Centan, la Jubilean, ĉi tie en Lillo.

Cent dek jaroj pasis ekde la Unua, okazinta najbare, en Bulonjo-ĉe-Maro. Cent dek jaroj kaj cent Universalaj Kongresoj, festoj ĉiujaraj escepte de la dek jaroj de "grandaj" militoj. Ĉar nia lingvo, niaj ideoj estas nature ligitaj al la paco, ni ja estas "pacaj batalantoj", kiuj "promesas sanktan harmonion al la mond' eterne militanta".

Fakte, neniam ankoraŭ Europo ĝuis same longedaŭran pacon. Hodiaŭ, la sepdekjaraj junuloj de tiu ĉi kontinento konas la militojn nur de rakontoj aŭ de libroj, beletraj aŭ historiaj. Tial povas fruktodone evolui la *dialogo inter kulturoj pri lingvoj kaj artoj*, la temo de la hodiaŭa kongreso. Kongreso, kiu por mi, la "Nepo", tamen maljunulo, eble estos la lasta kiun mi partoprenos. Tial, la taskon kaj honoron reprezenti tiuokaze la Zamenhofan familion mi transdonas al miaj filinoj, do la "Pranepinoj". Ili ambaŭ, kvankam edziniĝintaj, konservis la familian nomon. La pli aĝa, Hanna ZARUSKI-ZAMENHOF, loĝanta en Filadelfio, postvenos min en la okcidenta terglobduono, dum la pli juna, kiun mi havas la plezuron prezenti al vi ĉi tie, faros tion oriente de Atlantiko.

Jen ŝi, doktorino Margareta ZALESKI-ZAMENHOF! Ŝi deziras adresi al vi kelkajn salutvortojn.

(Poste d-rino Margereta Zaleski-Zamenhof salutis la Kongreson, leginte unue la salutvortojn de sia fratino Hanna Zaruski-Zamenhof.)

La UEA-estraranoj Martin Schäffer kaj Stefano Keller legis kelkajn salutmesaĝojn de diverslandaj eminentuloj, i.a. de la vicprezidantino de la Eŭropa Parlamento, mag. Ulrike Lunacek, kaj de la federacia prezidento de Aŭstrio, d-ro Heinz Fischer, kies gepatroj estis esperantistoj kaj kiu mem estis la Alta Protektanto de la Viena UK en 1992. (Pliaj mesaĝoj aperos en *Belfrido*.)

Stefan MacGill, vicprezidanto de UEA, anoncis la elekton de la fama itala juristo Giuliano Turone kiel membro de la Honora Patrona Komitato de UEA. Poste la estrarano Barbara Pietrzak prezentis la novajn Honorajn Membrojn de UEA, la francan verkiston-eldoniston André Cherpillod kaj la germanan historiiston kaj eksestraranon de UEA Ulrich Lins.

La Zamenhofa voĉo iris kiel ruĝa fadeno tra la festparolado de la prezidanto de UEA, kiu multe citis el la historia parolado de Zamenhof en la unua UK, montrante ĝiajn profetecon kaj aktualecon ankaŭ 110 jarojn poste. Li haltis ankaŭ ĉe la jubileo de la 60-jariĝo de la Montevidea rezolucio de Unesko pri Esperanto, heroe perbatalita de Ivo Lapenna, kaj donis pensigajn impulsojn al la traktado de la kongresa temo. (La prolado aperos en la sekva numero de *Belfrido*.)

Sekvis la salutvortoj de TEJO fare de la vicprezidanto Michael Boris Mandirola, de ILEI fare de la prezidanto Mirejo Grosjean, de la Akademio de Esperanto fare de la prezidanto Christer Kiselman kaj de SAT fare de Nicolas Raymond.

Sekvis la kavalkado de landaj salutoj, reĝisorita de la estraranoj José Antonio Vergara kaj Lee Jungkee. La rekorda nombro de pli ol 70 landoj donis impresan bildon pri la tutmondaj dimensioj, al kiuj kreskis la afero, komencita en Bulonjo-ĉe-Maro. En la inaŭguro en 1905 ne necesis nek ekzistis laŭtparoliloj; en Lillo necesis tri salonoj kaj video-ekranoj por ĉeestigi ĉiujn. Kaj Interreto por la cetera mondo.

Post komuna kantado de la Himno, la prezidanto Fettes deklaris la kongreson malfermita per la martelo, donacita al UEA de LKK de la UK en Malmö en 1948.

Osmo Buller, KN 62

**La tuta inaŭguro estas spektebla ĉe**
***http://www.youtube.com/watch?v=frgspNkHnVo***

## Komitato kvoruma kaj konstrua

Sabate kunsidis en la salono *Hodler* la komitato de UEA, kvoruma, kun 45 komitatanoj. Post rutinaĵoj ili trastudis la resumon pri la faritaj laboroj tra la lasta jaro. Reage al interveno, promesita estis baldaŭa testa reta voĉdono de la Komitato, kies teknikaj kaj regularaj aspektoj estas en ordo. Venis laŭdoj pri la AMO-programo, kaj deklaro, ke Brazilo volas ĉiujare okazigi tian seminarion, kune kun deziro de pli adekvata aperigo



Fotis: Marija Belošević

de rezultoj, i.a. per filmado. Komisiono pri Kongresa Rezolucio estis starigita: Fettes, Keller, Schwarzer, Usui, Viana. Dumkongresa komisiono pri nova Regularo de TEJO konsistas el Mandirola (gvidanto), Buller, Schaeffer, Moon, Poór, Maia Jr., Corsetti, Schröder, Maurelli kaj Demmendaal. Traktota estas petita regularo pri konflikto-solvado. Estis nomumitaj nova membro de la Honora Patrona Komitato, kaj du Honoraj Membroj, anoncitaj en la Inaŭguro, pri kio ni jam raportis.

Sekvis diskutoj pri la Jarraporto de la Estraro pri la jaro 2014. Pri ***Konsciigo*** Corsetti pledis kiel delonge por pli aktiva atento al informado; la rolo de CED en informaj kampanjoj fortiĝu. Maurelli resumis la konsiderindajn atingojn de TEJO. Kadre de ***Kapabligo*** Maurelli informis pri trejnadoj ĉe TEJO kun subvenciaj subtenoj. Keefe agnoskis la rolon de instruista trejnado, sed pledis, ke ni traktu pli zorge la memlernantojn. Gobbo klarigis pri la universitata laboro en Amsterdamo. Rilate ***Kunordigon*** oni raportis kreskon membran de 6% por 2015. Raola atentigis, ke la Konsilio, kvankam bona ideo, nesufiĉe aktivas. MacGill agnoskas la estraran devon proponi al konsilianoj pli konkretajn taskojn kaj projektojn; tio lastatempe okazis. Wandel dankis pro la retkunsidoj.Witdoekt proponis, ke multjaraj Dumvivaj Membroj plie kontribuu al la asociaj financoj. S tefan MacGill, KN 56

(Laŭ *EKO* n-ro 1)

## Asocio de Verduloj Esperantistaj

AVE invitas al la malferma kunsido marde 28 jul 14h30-16h00 en la salono *Cart*. Ni estas simpatiantoj kaj membroj de Verdaj Partioj, kaj instigas ilin uzi ankaŭ Esperanton. Ni jam tradukis gravajn dokumentojn kaj subtenas projektojn en Tanzanio kaj DR Kongo. Ĉi lasta aktuale temas pri la 3-a projekto “Akvo por Kalima”. Ni prezentos fotojn de la finita 2-a projekto*. Ni instigas UEA al daŭripova agado. Informoj troveblas *ĉe www.verduloj.org*.

D-ro Manfred Westermayer, KN 1924

* Okaze de la kunveno estos prezentita ankaŭ la projekto “Kampara Solidareco” en DR Kongo.

Betty Chatterjee, KN 228

## Ĉu vi estas membro de ATEO?

La administra kunsido de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo okazos mardon 11h00-11h45 en la salono *Pauli*. Ĉiuj membroj de ATEO estas invititaj por doni opiniojn kaj ideojn pri la agado de ATEO. Eblos membriĝi ankaŭ surloke. La publika kunveno okazos ĵaŭdon, kun la titolo "Ateistoj kaj la rajto je libera esprimiĝo".

Anna Löwenstein KN 1948

## Eŭropa Esperanto-Unio

Jara kunveno de la Asembleo de EEU okazos ĵaŭde 30 jul 2015, 13h30 en la salono *Paŭli* (*Hainaot*). Kunvenos elektitaj asembleanoj aŭ anstataŭantoj, kiuj reprezentas landajn asociojn de EU-landoj. Oni traktos raportojn pri la agado de EEU en 2014-2015. La kunvenon prezidos la prezidanto de EEU d-ro Séan Ó Riain.

Zlatko Tišljar, KN 492

## Memortabulo pri Waringhien

Kongresanoj estos bonvenaj ĉeesti la inaŭguron de memortabulo ĉe la naskiĝdomo de Gaston Waringhien en mardo je 11h00-12h00 ĉe 8 place Philippe-Lebon.

## Granda peto nome de la asembleanoj Junaj Voĉoj

Post sukcesa prezentado de la unua folklora parto de "Freŝiga Vento el Montaro" kelkaj eksterlandanoj ekinteresiĝis pri la eblo inviti ilin por koncerti en iliaj landoj, sed petis doni al ili filmitan fragmenton de la prezentado. Se iu filmis dum la prezento, bv. kontakti *halinakomar@gmail.com*, tel. +48 604 088 620



## Filmfestivaleto: Koloroj de la mondo

Ĵaŭde la 30an de julio de la 16a ĝis la 20a en la junulargastejo (*Auberge de Jeunesse, 12 rue Malpart*).

**Unua parto:**

Malfermo per muziko de Sepa kaj Asorti
Teo kaj Amo, 20 filmetoj premiitaj
en la konkurso, prezentataj de Ĝoja
*http://esperanto.cri.cn/other/15yq.html*

**Dua parto:**

Roman Dobrzyński prezentos siajn plej novajn filmojn, i.a.

*Bonvenon al Nepalo*
*Bona Espero, nia tero*

– kaj premiere tute novajn filmojn pri aliaj partoj de la mondo.

## Enketo en lernejoj

En la halo Michaux, sur la tablo antaŭ la muro, troviĝas kajero kun enketo. La demando estas: "Ĉu en via lando oni instruas religion, filozofion, moralon, person-evoluon aŭ civitanecon? Kiom da horoj en semajno – en bazaj lernejoj (7 ĝis 12 jaroj)?" Dankon pro la partopreno!

Hugo Durinck, KN 1145

## Saluto de la Ambasado de Kroatio en Francio



Estimataj partoprenantoj de la kongreso, gesinjoroj, karaj geamikoj,

Mi estas feliĉa kaj estas honoro por mi povi adresi al vi miajn salutvortojn pro tri kialoj:

Grava evento okazas en Francio, la lando kie mi estas ambasadoro, la lando kiu en 1905 en Boulogne-sur-Mer estis gastiganto de la unua Universala Kongreso de Esperanto.

Mi venas el malgranda eŭropa lando, el Kroatio, en kiu dum jarcento grave senteblis la ĉeesto de aliaj lingvoj, la latina, la germana, la itala, la franca, ĝis la angla hodiaŭ. Sed en Kroatio antaŭ cent jaroj, same kiel en aliaj landoj, komencis evolui la Esperanto-Movado. La kroataj esperantistoj donis grandan kontribuon al la disvastiĝo de Esperanto.

Mia avo Ivo Goldstein, portinto de la sama nomo kiel mi, estis antaŭ la Dua mondmilito sekretario de Esperanto-Societo en Karlovac, urbo 40 km sude de la ĉefurbo Zagreb. Mia avo estis vera enamiĝinto al Esperanto, li krome parolis tutan aron da lingvoj, li estis vera poligloto, krome li verkis rakontojn kaj poemojn. Krom tio, oni povas diri, li ankaŭ estis revulo. Li revis pri pli bona mondo, kiun li ne ĝisvivis.

Mi deziras al la mondo amikecon, kunlaboron, solidarecon kaj pacon, en multe pli granda kvanto ol da ili oni havis ĝis nun. Kaj al via kongreso sukcesan laboron.

Ivo Glodstein

## Novaj aliĝoj

2631 S-ro Yasuo Tabuchi, Japanio
2632 S-ro Timothy Potié, Francio
2633 S-ro Bernard Biggonet, Francio
2634 S-ino Taki Midori, Japanio
2635 S-ro Jean-Lucien Mazeau, Francio
2636 S-ro Eric Nemes, Belgio
2637 S-ino Aleksandra Gabrilo, Kroatio
2638 S-ro Benedicto Silva, Brazilo
2639 S-ino Dulce Mara Silva, Brazilo
2640 S-ino Irene Caligaris, Italio
2641 S-ro Franco Vaio, Italio
2642 S-ino Julia Samsonova, Rusio
2643 S-ro Zharo Haonan, Ĉinio
2644 S-ino Marie-Thérèse Guillaume, Francio
2645 S-ro Luiz Fernando Puhl, Brazilo
2646 S-ino Laurence Ducret Aidonidis, Svisio
2647 S-ino Léna Plantier, Francio
2648 S-ino Mila Plantier, Francio
2649 S-ino Julie Plantier, Francio
2650 S-ro Léo Plantier, Francio
2651 S-ro Josep Altadill, Hispanio
2652 S-ino Araksja Elbakjan, Armenio
2653 S-ino Lida Elbakjan, Armenio
2654 S-ro Ilja Muravjov, Rusio

## Aŭtoraj Duonhoroj (en la libroservo, salono *Schwartz*)

### Mardo – 28.07.2015

**17h30** – Kroma aŭtora duonhoro: György Nanovfszki – "Nano – Aventuroj de poliglota diplomato".

### Ĵaŭdo – 30.07.2015

**10h00** – Marjorie Boulton – "Vid-al-vide kun nia plej elstara Esperanto-poetino". Konversacio kun la aŭtorino.

**11h00** – Stano Marček – "Esperanto per rekta metodo" en 36 lingvoj, didaktikaj materialoj, sonlibroj.

**12h00** – Katalin Kováts – "Novaj lernomaterialoj".

**14h00** – Kalle Kniivilä – „Miaj du novaj libroj".

**15h00** – Nicola Ruggiero – Mia ĵusa poemaro „La kanto de l' korvo"

**16h00** – Peter Baláž: „Nova eldono de KAEST-prelegaro 2014 pri Arkivoj kaj Bibliotekoj"

**17h00** – Amri Wandel – mia ĵus aperinta E-traduko de la rakonto "Esperanto", parto de unu el la lastaj libroj de la fama israela verkisto Amos Oz. Amri rakontos ankaŭ pri siaj renkontiĝoj kun Oz kaj pri la speciala rilato de Oz al Esperanto.

## MENDU LIBROJN, KIUJ JAM MANKAS EN LA LIBROSERVO

**Ĉu vi volis aĉeti libron, sed ĝi ne plu estas havebla en la kongresa libroservo? Ne seniluziiĝu, neniu problemo! Se la libro (aŭ alia varo) estas havebla en la Centra Oficejo de UEA, vi povas mendi ĝin kaj ricevi ankoraŭ en la kongreso!**

**Bv. plenigi la flavan mendilon de la libroservo kaj redoni ĝin hodiaŭ ĝis 18h00. Viaj libroj estos transportitaj al Lillo dum la ekskursa tago kaj vi povos preni ilin ekde ĵaŭdo. Vi povas mendi iun ajn titolon el la katalogo ĉe *http://katalogo.uea.org*.**

## SALUTMESAĜO DE LA VERKISTO AMOS OZ

Pli ol duonjaron Amri Wandel korespondas kun Amos Oz, verŝajne la plej elstara kaj internacie konata verkisto de Israelo, pro traduko en Esperanton de lia novelo "Esperanto". Antaŭ unu monato ELI eldonis ĝin, kaj Amri renkontiĝis kun Oz por transdoni al li kelkajn ekzemplerojn.

Ili interparolis pri Esperanto, kaj Amri rakontis pri la jubilea Kongreso en Lillo. Oz interesiĝis, scivolis pri la programo kaj pri la prezentado de novaj libroj kaj Esperanto-literaturo. Li sendis la ĉi-suban salutmesaĝon por la Kongreso, kiun Amri tradukis laŭvorte:



"Kara Amri, Bonvolu transdoni mianome varman saluton al ĉiuj partoprenantoj de la Kongreso, kaj diru al ili, ke Marteno Vandenberg ("la esperantista heroo de la novelo *Esperanto*") esprimas ankaŭ miajn sentojn por la lingvo Esperanto kaj por ĝiaj fundaj ideoj.

Kun estimo kaj danko",

Amos Oz




KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Ĵaŭdo, 30 julio 2015 N-ro 4

## Pri la Tago de Lernado

Ĝi okazis la 28-an de julio 2015 en la salono Bakker.

Je la 9-a horo post oficialaj salutoj estis transdonita la Unua Premio Mauro la Torre al Profesoro Davide Astori el Italio (sur la foto).

Sekvis riĉa programo, kadre de kiu estis prezentitaj al la ĉeestanta publiko 14 interesaj prelegoj kun variaj temoj, kies enhavo rilatas al instruado kaj edukado.

Jérôme Caré el Francio prezentis koncize la francan eduksistemon.

Renée Triolle el Francio en sia prezento pri la lingvo-instruado starigis la demandon "Ĉu malfermita pordo aŭ enkaĝigo?".

Mireille Grosjean, Svislando, la prezidanto de ILEI, vekis la intereson de la ĉeestantoj per la temo "Pacedukado, paŝoj al plena konkretiĝo" kaj per sia dua parto "Raporto pri la Tria Tutmonda Kolokvo", okazinta ĉi-jare en Svislando.

Prof. d-ro Alan Bishop el Aŭstralio prezentis prelegon kun la titolo "Valoroj en Esperantujo, iliaj karaktero kaj evoluo en edukado", post kiu sekvis prof. d-rino Ilona Koutny el Pollando, kies alparolo tuŝis la temon "interkultura komunikado kaj Esperanto en universitata programo."

Kun intereso oni aŭskultis la prezenton de Stefan MacGill, vic-prezidanto de UEA, pri Aktivula Maturigo (AMO) tra 16 monatoj kaj pri la tendenco, ke la AMO-seminarioj fariĝas pli kaj pli konataj kaj praktikataj en Esperantujo.

Alvenis poste d-rino Veronica Poór, Hungario, por prezenti detale kaj ekspliki la iniciaton "muzaiko": kiajn kapablojn evoluigas la aŭskultantoj; la juna prelegantino atendas novajn kunkreantojn en tiu alloga projekto, troviĝanta ĉe *www.muzaiko.info*.



Post 20-minuta paŭzo estis la vico de prof. Dennis Keefe, Ĉinio, por prelegi pri la filozofio de John Dedew kaj la enmeto de internacia kulturo en la kursojn.

Prof. Nina Daniljuk, Ukrainio, ligis sian paroladon al "Interkulturaj edukado kaj komunikado en la universitata Esperanto-Centro".

Prof. Duncan Charters, Usono, klarigis al la aŭskultantoj "kiel plej efike lerni Esperanton kaj aliajn lingvojn".

Prof. d-rino Xiaofeng Gong, Arko, Ĉinio, sukcesis konvinki la ĉeestantojn per sia prezento "Kapabligo de transkultura komunikado kaj Esperanto-instruado".

Post ŝi honorigis la ĉeestantaron la prezidanto de UEA prof. d-ro Mark Fettes, Kanado, kiu per sia parolado interesis pri Esperanto kadre de interkulturaj kaj tutmondecaj studoj, usona eksperimento", subtenata de ESF.

La lasta parto de la kongresa programero "Tago de Lernado" konsistis el pliaj du prelegoj. Nun la jam tre konata d-rino Katalin Kováts, Nederlando, sugestis al instruistoj "kiel oni povas lerni Eperanton pere de modernaj teknologioj".

Stano Marček, Slovakio, la aŭtoro de la instru-libro "Esperanto per rekta metodo", jam en 36 lingvoj, prezentis detalojn pri la progreso de la projekto.

Dum la ĝenerala ferma diskuto la gvidantoj de la Tago Marija Belošević, Kroatio, kaj Jenifer Bishop, Aŭstralio, kune kun Mireille Grosjean, prezidanto de ILEI, dankis al la prelegintoj kaj al la publiko, kiu dum ses horoj ne perdis sian paciencon nek la okazon profiti de novaj instruoj je la bono de la propra spertiĝo.

Mihai Trifoi, KN 1225

## Serĉataj estas volontuloj!

**La kongresa Libroservo serĉas volontulojn. Se vi pretas helpi, bv. enskribiĝi en la liston de helpantoj, kiu kuŝas inter la Ekskursa Giĉeto kaj Kasisto de UEA, sur la longa budo ĉe la enirejo.**

## IKU / Scienca Kafejo

1. La prelegoj de Gobbo kaj Larsson (laŭ la KL) estis interŝanĝitaj.

2. En la programo de Scienca Kafejo, ĵaŭde 15h00-16h30 en MRES, aldoniĝis al la programo de la KL (p.69) kvina prelego: Traunmueller pri "La plej vaste uzataj vortoj".

3. En la IKU-AIS kurso 1 (Wandel, pri Einstein kaj relativeco) partoprenis ĉ. 90 personoj, el ili ekzameniĝis rekorda nombro de 67. La AIS-atestojn oni povos preni en la kongresa informejo vendrede, aŭ ricevi retpoŝte, petante per *amriwandel@gmail.com*.

Amri Wandel, KN 980

## La furora monodramo Ursula

La teatraĵo **Ursula – la krio de infano kontraŭ milito** (KL, p. 73) pro tre granda intereso de la publiko (la du prezentoj ne akceptis ĉiujn interesiĝantojn) okazos la trian fojon venderede je la 15h15 en la salono *Lapenna*.

## Ĉu ne eblas? Ni ebligas!

### Neformala babilado pri subvenci-akirado

La kerna rolo de subvenci-akirado por subteni niajn agadojn estas pli kaj pli reliefigata dum la kongresaj laboroj; tamen, por atingi sukcesajn rezultojn tiukampe, nepre bezonatas fakaj konoj kaj spertoj.

Tial, kaj kiel jam antaŭanoncite dum la Kleriga Lundo fine de la programero dediĉita al prezento de sukcesaj edukadprojektoj, neformala kunveno kun fakuloj de la profesia firmao Kosmo Strategio Ltd. okazos vendredon la 31an de julio je la 14a ĉe la kongresa kafejo (nivelo 3). Nenio aparta bezonatas por partopreni: nur kunportu viajn ideojn kaj multe da kunlaboremo por kunstarigi novajn projektojn!

Maria Rosaria (Sara) Spanò, KN 990

## AVE kunvenis

Asocio de Verduloj Esperantistaj kunvenis la 28an de julio en la salono *Cart*. Ĉeestis ĉirkaŭ kvindek partoprenantoj. La sekretario de AVE Manfred Westermayer salutis kaj diris: "Nome de la Asocio de Verduloj Esperantistaj (AVE) mi salutas ĉiujn esperantistojn okaze de la 100-a Universala Kongreso en Lillo. Ni kunlaboras kun UEA jam delonge kaj ĝojas, ke la nocio Daŭrigeblo iĝis grava temo ankaŭ por la oficiala laboro de UEA. Ĉi-rilate UEA sekvas UN, kiu lanĉos la Daŭripovajn Evoluo-Celojn en septembro 2015. Ni ankaŭ kunlaboras regione kaj tutmonde kun Verdaj Partioj kaj Civil-Sociaj Organizaĵoj, por redukti la riskojn pro nia iom abunda vivstilo, kaj subtenas per informado Transiron el la fosilia erao en la urboj kaj ŝtatoj. Ni atendas ke la ĉi-jaraj Klimataj Pinto-Interkonsentoj en Parizo atingos cel-trafajn decidojn, kaj ni kunlaboras kun *Alternatiba*, kies teamo faras kvin-mil-kilometran bicikladon por informi en cento da urboj en Francio kaj meza Eŭropo pri la celo redukti la homan karbondioksidan ĝenon al la tutmonda klimato. Paralele ni subtenas konkretajn agadojn cele la realigon de la t.n. Miljaraj Evoluaj Celoj de UN, ligitaj i.a. kun la nomo de Wangari Maathai – aparte pri rearbarigo kaj salubra trinkakvo. Vi trovos la dokumentojn pri tio en nia retejo *verduloj.org*. Betty Chatterjee prezentis la trian projekton: akvo por Kalima. AVE subtenas akvo-provizadon por kvar mil familioj de tiu urbo de D.R. Kongo; detalojn vi vidos ĉe *verduloj.org/afriko.htm*. Oni ankaŭ diskutis pri la kunlaboro kun la Verdaj Partioj, ene de kiuj necesas pli da esperantistoj por konvinki ilin pri la bezono de nova lingva politiko, aparte kadre de la eduka sistemo. Estiĝis kaj kritikoj kaj proponoj ene de tre multfaceta diskuto. Ekzistas larĝa interkonsento por renovigi la informsistemon de AVE dum la venonta jaro.

Michael Leibman, KN 1743

## Elstaraj prelegoj en la Scienca Kafejo

Marde 28 jul 2015 okazis ege altnivelaj prelegoj en la "Scienca Kafejo" (15h00, *Grzębowski*). Elstaris laŭ impreso de la raportanto prezentado de Piet Buijnsters pri la antaŭdiroj de la fama estontologo Alvin Toffler (*https://eo.m.wikipedia.org/wiki/Alvin_Toffler*). Estas nekredeble, kiel ekzakte tiu scienculo antaŭ 45 jaroj antaŭvidis la evoluojn, kiuj hodiaŭ iĝis ĉiutagaj faktoj. Oni konstatis, ke Esperanto, kvankam ne laŭvorte menciita de Toffler, tre bone konformas al la rimedoj de li rekomenditaj kontraŭ la "futurŝoko".

Christoph Klawe, KN 646

## KER-kandidatoj, ATENTU!

Vendredon la ekzamenoj okazos NE en la kongresejo, sed en MRES (*23 rue Gosselet*). Ĝi troviĝas je ĉ. 30-minuta distanco, se vi piede iras.

Bonvolu informiĝi pri la loko kaj ekiri tien frue, por ke vi estu surloke ĝustatempe (vidu la 9an paĝon de via Kongresa Libro). Katalin Kováts, KN 1343

## La pitoreska Bruĝo

Post unuhora veturado ni estis en la pitoreska urbo Bruĝo. Unue ni promenadis tra la urbo, kvankam kelkfoje pluvis, plue ventis! Post tagmanĝo en bierfarejo '*De Halve Maan*' ni boatveturadis sur la kanaloj. Belegaj scenoj! Ĉiĉeronaj samideanoj bonege gvidis nin. Dankegon. Neforgesebla ekskurso!

Somekawa Takatosi, KN 945

## Kunveno de RADE

Dimanĉe je la 18h00 en salono de *Crown*, Hotelo Plaza, okazis kunveno de Rotaria Amikaro de Esperanto kaj de Rotaria Klubo Esperanto. Leif Nordenstorm, prezidanto de la Rotaria Klubo

Esperanto, kunvenigis naŭ membrojn de la elektronika klubo, kiu estas la unua Esperanton parolanta klubo en la plej malnova asocio de servado *Rotary International* (R.I.), fondita en 1905 de la advokato Paul Harris en Usono. Eĉ se RADE ekzistas ekde la jaro 1928 kaj estis la unua amikaro en la movado de *Rotary International*, oni kapablis krei Esperanton parolantan klubon nur kiam la Leĝa Konsilio de RI permesis la ekziston de klubloj kunvenantaj rete. Tia klubo estis kreita por rotarianoj, kiuj multe vojaĝas, aŭ kiuj loĝas malproksime unu de la alia. Tamen nia klubo profitas de ĉiu UK por kunveni fizike kaj preni gravajn decidojn pri humaneca projekto, celo de la rotaria movado. La klubo decidis helpi projekton en Bona Espero. Temas pri integra agado de instruado, esploro kaj teknika asisto al 50 elektitaj adoleskantoj, vivantaj dise en ŝtataj setlejoj. Plie la klubo decidis doni al Davide Astori la titolon "Paul Harris Fellow" (grava titolo en R.I.)

Joseph van der Vleugel, KN 320

## Ĉu vi ŝatus kongresi en Romo, Italujo, la venontan jaron?

Tio vere okazos. Se vi iras al la salono *Grzębowksi* je la 10-a ĵaŭde la 30-an de julio, vi povos ĉeesti la prezenton de la venontjara itala kongreso de Esperanto, kiu okazos fine de aŭgusto 2016 en la urbeto Frascati, tuj apud Romo. Fakte temos pri kongreso en Romo kun pli komfortaj dormlokoj. Pri italaj internaciaj kongresoj vi certe jam aŭdis. Temas pri kongresoj, kiuj kunigas la belaĵojn de Italujo kun abunda kultura programo kaj distraj vesperoj. Atentu, la salono *Grzębowki* estas en MRES (*Maison Régional de l'Environment et de Solidarité*) en 23, rue Gosselet, Lille. Vidu la mapon en la paĝo 9 de la Kongresa Libro. Pliaj informoj pri la kongreso ĉe *kongreso@eperanto.it.* Renato Corsetti

## Lilla turodialogo

Kadre de la Kongresa Temo, prizorgite de d-ro Viana, lunde matene disvolviĝis la prelego de Franz-Georg Rössler sub la titolo "Turoj en la dialogo de la kulturoj". Laŭ propraj bildoj kune kun aliaj ekzemploj la preleganto prezentis sisteme tutan turomondon. Elirante de naturaj turoj tra kastelaj, urbaj, alarmaj, defendaj, loĝaj, ĝis fabelecaj kaj metaforaj ("Waringhien kiel Esperanto-lumoturo") la preleganto montris la funkcion de turoj en la komunikado de la homoj. Li ankaŭ avertis per iamaj turokatastrofoj, pri troa orgojlo dum la altigo de konstruaĵoj ĝis trans la nubojn. La Babela Turo jam konvinke pravigis tiun konstaton. Kelkaj intervenoj de la publikanoj pruvis, ke ili ne restis en la stato de simplaj E-turistoj, sed per la prelego fariĝis spertaj "turistoj" rilate al la kongrestemo.




## La Kompanoj kortuŝitaj

**Karaj kongresanoj,**

Ni, La Kompanoj, dankegas vin pro via aktiva partopreno dum nia spektaklo. Viaj kunkantadoj, manfrapadoj kaj aplaŭdoj senmanke kontribuis al la sukceso de la nacia vespero. Varmajn mesaĝojn ni ricevis jen tuj post la prezentado, jen la sekvan tagon, kaj de jam konataj geamikoj kaj de multaj el vi, de ĉiaj originoj, kies radiantaj resendoj altvaloras por ni, amatora trupo. Sekve tre surprizis nin la granda nombro da kongresanoj, kiuj muzike paradis lundon posttagmeze tra la stratoj ĝis la stacidomo kaj la teatroplaco. Nefacile kalkuleblas kiom da ni tie kunkantis. Simple sciu, ke centon da libretoj kun partituroj ni disvendis antaŭ la kongreso. Krome ni pretigis 250 ekzemplerojn de nia kanzonaro. Tiu stoko tre rapide surloke elĉerpiĝis kaj mankis ekzempleroj jam longe antaŭ la fino, por kontentigi ĉies dezirojn. Ni memorigas, ke vi facile retrovos ĉiujn tekstojn, partiturojn, muzikojn kaj registraĵojn sur nia retejo *www.lakompanoj.free.fr*. Plue plezure kunkantu en Esperanto!

Amuzike viaj, La Kompanoj

PS: Grava atentigo! Plurajn kanzonojn el nia repertuaro ni prezentis al vi sen permeso de nunaj posedantoj de la aŭtorrajtoj (ofte internaciaj diskoproduktistaj firmaoj, ne plu la verkistoj aŭ komponistoj mem de la originalaĵoj). Tial ni insiste petas la filmintojn, ke ili neniel enretigu iun ajn filmeton kun libera aliro. Nek de la nacia vespero, nek de la surstrata kunkantado. Ni kunĝuadis belegajn momentojn, kaj deziras eviti ĉiajn malagrablajn sekvojn. Korajn dankojn pro via komprenemo!

## T-ĉemizo de Muzaiko

Transprenu la ŝatatan T-ĉemizon de Muzaiko dum UK aŭ IJK sen sendokostoj por 8€! Ne restas multaj, do kontaktu Julia Noe (KN 1891). Vidu la elekton ĉe *http://muzaiko.info/t-cxemizo!*

## Eŭropo Demokratio Esperanto

Ĉu vi kontentas pri la funkciado de Eŭropa Unio? Ĉu vi deziras plibonigi ĝin? Jes? Venu ĵaŭde je la 17h00 en la salonon *Grzębowski* en MRES, 23 str. Gosselet (vidu la mapon sur p. 9 de KL), kaj ekkonu niajn proponojn.

Pierre Dieumegard, KN 1074

## Matematikistoj, kunvenu!

Antaŭ trideko da jaroj tre aktivis IAdEM – Internacia Asocio de Esperantistaj Matematikistoj. Sed ĝi malaperis. La celo de la ĉi-kongresa kunsido estas revivigi ĝin. Ĉiuj, kiuj interesiĝas pri matematiko, bonvolu veni en salonon *Cart* ĵaŭdon je la 15h15 por kune pristudi la eblon refondi IAdEM.

François Lo Jacomo, KN 1009

## Radioamatoroj kunvenos

Radioamatoroj kaj interesiĝantoj pri la temo estos bonvenaj partopreni kunsidon ĵaŭde je la 18h30 antaŭ la rendevuo-tabulo. La radioamatora stacio TM100E aktivas dum la semajno sur la koridoro de la 7a etaĝo, apud la salono *Cart* (*Faidherbe 2*).

Enivaldo Ales Silva, KN 124

## Ligo de gesamseksemuloj LSG

Ĵaŭde de la 18h00 ĝis la 22h00 renkontiĝos sur la strato *19 Condé* en Lillo LSG-anoj kun la gvidanto s-ro Randy A Dean, KN 1006, kaj prezentos LSG-on al la loka gesamseksemula asocio *J'en suis, j'y resta* en la GLAT-asociejo, dum publika kuntrinkado.

S-ino Solange-Agnes Duron, KN 1008

## Medicinistoj kunvenis

Marde 28 jul 2015 je la 12h45 renkontiĝis en la salono *Babin* 53 membroj de UMEA el 21 landoj, inter ili gastoj s-ino Todor, prezidantino de IFEF, kaj s-ro Schicke, prezidanto de INA. Estis prezentitaj faktoj pri la aktuala stato de UMEA kaj projektoj por diskonigi Esperanton kaj pri esploroj pri Yumeiho.

D-ro Christoph Klawe, KN 646

## Kunsido de ATEO

En mardo, 30 membroj de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo) ĉeestis la administran kunsidon. Ili aŭdis raportojn pri la kontetiga financa situacio de la asocio, kaj pri sukcesa ekstera agado fare de la vic-prezidanto Dominique Simone. Ĉar la redaktoro Christian Rivière deziras retiriĝi fine de la jaro, oni invitis sinproponojn pri nova redaktoro. José Antonio Vergara salutis la kunvenon nome de la estraro de UEA.

La publika kunveno de ATEO okazos ĵaŭdon en salono *Pauli* je 16h30 - 18h00. La temo "Ateismo kaj la rajto je libera esprimiĝo" estis inspirita de la tragedia okazintaĵo en januaro, kiam laborantoj ĉe la franca satira revuo *Charlie Hebdo* estis mort-pafitaj de religiaj ekstremistoj, ankaŭ de la murdoj en tri apartaj okazoj ĉi-jare de tri kontribuantoj al sekulara blogo en Bangladeŝo. Ĉiuj interesatoj estas invititaj ĉeesti.

Anna Löwenstein, KN 1948

## Aŭtoraj Duonhoroj (en la libroservo, salono *Schwartz*)

### Ĵaŭdo – 30.07.2015

**10h00 – Marjorie Boulton:** "Vid-al-vide kun nia plej elstara Esperanto-poetino". Konversacio kun la aŭtorino.

**11h00 – Stano Marček:** "Esperanto per rekta metodo" en 36 lingvoj, didaktikaj materialoj, sonlibroj.

**12h00 – Katalin Kováts:** "Novaj lernomaterialoj".

**14h00 – Kalle Kniivilä:** „Miaj du novaj libroj".

**15h00 – Nicola Ruggiero:** Mia ĵusa poemaro „La kanto de l' korvo".

**16h00 – Peter Baláž:** „Nova eldono de KAEST-prelegaro 2014 pri Arkivoj kaj Bibliotekoj".

**17h00 – Amri Wandel:** mia ĵus aperinta E-traduko de la rakonto "Esperanto", parto de unu el la lastaj libroj de la fama israela verkisto Amos Oz. Amri rakontos ankaŭ pri siaj renkontiĝoj kun Oz kaj pri la speciala rilato de Oz al Esperanto.

### Vendredo – 31.07.2015

**10h00 – Hori Jasuo kaj Yamakawa Setsuko:** "Espero por la Madei-vilaĝo Iitate". Japana bildlibro kun Esperanta traduko pri vilaĝo poluita de radioaktiveco pro la akcidento de nuklea centralo post la granda tertremo la 11-an de marto 2011 (Yamakawa Setsuko); "Memoroj pri la Japana Katastrofo": fotopoemaro pri homoj kaj urboj en la damaĝitaj regionoj de la Katastrofo de la 11a de marto 2011 (Hori Jasuo).

**11h00 – Roman Dobrzyński:** „La laste faritaj filmoj i.a. *Bona Espero – nia tero*".

**12h00 – Zlatko Tišljar:** „Lingvomanio" – proverboj kaj idiomoj de 28 lingvoj en Eŭropo.

**14h00 – Nicole Else:** *Foreign languages what they don't often tell you*. La libro estas en la angla, sed kompreneble ĝi havas plurajn paĝojn pri Esperanto.

**15h00 – Probal Dasgupta:** „Loĝi en la lingvoj".

**16h00 – Ian Fantom:** „Taglibro de Malliberulo" de Hussain al-Amily, reredaktita kaj kompletigita anglalingva versio de la libro.

**Aktualaj informoj pri la 100-a UK en Lillo kaj la kongresa kuriero *Belfrido* en pdf-formato troveblas ĉe *http://www.uea.org/kongresoj***




KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Vendredo, 31 julio 2015 N-ro 5

## Kongresanoj el Lillo piligrimis al Bulonjo

Kvankam ekstere rekonstruita, la interno de la urba teatro de Bulonjo-ĉe-Maro certe aspektas nun, cent dek jarojn poste, kiel en la historia tago en 1905, kiam Zamenhof festparolis por la partoprenantoj de la Unua Internacia Kongreso de Esperanto. Ses aŭtobusplenoj da kongresanoj pilgrimis al la apudmara urbo por solene omaĝi al tiu unika evento.

Sur la teatra podio sidis la prezidanto de UEA, Mark Fettes, s-ro L.C. Zaleski-Zamenhof, nepo de Ludoviko Zamenhof, Xavier Dewidehem, prezidanto de LKK. Salutis s-ro Luc Tassart, respondeculo pri Internaciaj Rilatoj por la urbo Bulonjo, kaj la vicurbestrino, s-ino Odette Caerou.

Brian Moon laŭtlegis la tutan prelegon de Ludoviko Zamenhof el la 5a de aŭgusto 1905. La daŭrigo emfazis la egalrajtecon de la bulonjaj kunvenintoj, kontraste al similaj tiamaj internaciaj renkontiĝoj, kie nur privilegiita minoritato havis la necesajn lingvajn kapablojn por komuniki. La esperantistoj rilatas inter si kiel fratoj kaj egaluloj, ne kiel landanoj superregaj kaj humiligataj. En malpli konata parto de la alparolo Zamenhof esprimis sin pri Johann Martin Schleyer, la kreinto de Volapuko, pri kies laboremo Zamenhof esprimis dankon, eĉ se lia projekto jam montris sin maltaŭga por la bezonoj de arta lingvo. Li plie omaĝis al pioniroj, kiuj jam forpasis en la tiam 18-jara historio de la lingvo, inter ili Wilhelm Trompeter. La fino de la alparolo konsistis en rimforma preĝo al 'supera forto'.

Louis C. Zaleski-Zamenhof diris: "La vortoj de mia avo estas kortuŝaj por mi, precipe la parto pri francoj kaj angloj, rusoj kaj poloj. Mi ja estas franco kaj polo, sed super ĉio, mi estas homo kaj frato de aliaj homoj."

Jen resumo de la alparolo de Mark Fettes: Esperanto ja estas lingvo sen teritorio, oni ofte demandas: kie oni parolas tiun lingvon? Ĝi apartenas al neniu nacio, apartenas al neniu specifa loko. Esperanto estas la propraĵo de ĉiuj homoj, kiuj deziras ĝin uzi por komuniki. Li parolis pri la signifaj lokoj por nia komunumo. Inter tiuj Bulonjo – la lulilo de la lingvo. Ĝis tiu unua kongreso multaj ne aŭdis la parolatan lingvon, krom eble inter kelkaj samlandanoj. Bulonjo markas la transiron de Esperanto de ĉefe skriba lingvo al ĉefe parola lingvo. Lulilo ankaŭ pro la starigo de la Lingva Komitato, kiu poste fariĝis la Akademio de Esperanto. Lulilo de la internacia komunumo; ĝis






tiu jaro la parolantoj organizis sin en urbaj kluboj kaj landaj asocioj. La plej junaj kongresanoj en Bulonjo estis Edmond Privat kaj Hector Hodler. Hodler tri jarojn post tiu unua UK fondis Universalan Esperanto-Asocion, sekve rekte Bulonjo estas ankaŭ la lulilo de UEA. Lulilo ankaŭ de la Esperanto-kulturo, kiu garantias ĝian vivipovon. Fine li dankis al la urbo pro la impona akcepto.

Post la solenaĵo la kelkcenthoma publiko kun abundaj flagoj kaj banderoloj promenas tra la urbocentro ĝis la stacidomo, kie Zamenhof kaj aliaj eltrajniĝis por la unua kongreso. Tie staras monumento pri tiu evento. Okazis ceremonio, en kiu oni malkovris novan ŝildon por memorigi pri la nuna vizito kaj metis florkronojn. Kunpromenis la Alta Protektanto de la Kongreso, s-ro Frédéric Cuvillier, eksministro, deputito kaj urbestro de Bulonjo-ĉe-Maro, kiu partoprenis la ceremonion kaj poste akceptis la kongresanojn en la urbodomo.

Stefan MacGill, KN 56
Vicprezidanto de UEA

## uTalk-kurso

Danke al la kunlaboro de *www.edukado.net* lanĉiĝis Esperanto-kurso "uTalk", en kiu elire el 128 lingvoj eblas lerni Esperanton pere de saĝtelefonoj (iPhone) kaj tabulkomputiloj (tablet), kiuj uzas la servojn de AppStore. Honore al la kongreso la du pakaĵoj kun 14 temoj, uTalk SENPAGE elŝuteblas ĝis la 6a de aŭgusto. Vi povas ricevi helpon ĉe la KER-ekzamena ekspozicio aŭ de niaj sandviĉhomoj, kiuj helpas vin elŝuti la programon. Elŝutu, uzu kaj diskonigu.



Katalin Kováts, KN 1343

## Teatraĵo Ursula hodiaŭ je la 11h15!

La furora teatraĵo Ursula havos eksterordinaran prezenton hodiaŭ je la 11h15 en la salono Lapenna, ne je la 11h15, kiel anoncite en la hieraŭa kuriero.

## Kroma Renkontiĝo en la Libroservo

Por omaĝi al la verkado de Marjorie Boulton vendrede je la 17h30 Elizabeta Kehlet kaj Nicola Ruggiero prezentos fragmentojn el la „Rimleteroj" de nia plej elstara E-poetino.

## Pola RetRadio en Esperanto raportas

Jam pli ol kvin programoj de la E-Redakcio el Varsovio (*pola-retradio.org*) prezentis al la vasta esperantista publiko sonscenojn el la Lilla UK. I.a. la elsendo el la 29.07.2015 enhavas raporton pri la inaŭgura solenaĵo en la teatro de Bulonjo-ĉe-Maro kun la porokaza parolado de Mark Fettes, la prezidanto de UEA dum la ceremonio omaĝe al la 1-a E-Kongreso tie en 1905.

Barbara Pietrzak, KN 59

## Kunveno de Esperanta Jura Asocio

La pasintan 28an de julio en la salono *Cart*, kun ĉeesto de 25 gekongresanoj, okazis la jarkunveno de la asocio. Je la komenco oni disdonis la revuon *Jura Tribuno Internacia*, eldonatan jare. La prezidanto unue informis pri la forpaso de la eksa prezidanto de EJA Kep Enderby, kiu gvidis la asocion de 1996 ĝis 2002, kun entuziasmo kaj sindediĉo. Poste oni parolis pri la jaraj financoj kaj pri estonta agadplano. Oni elektis novan estraron laŭ la statuto, nome: prezidanton: s-ro Miguel Faria de Bastos el Portugalio; sekretarion: d-rino Rafaela Urueña el Hispanio, kaj membrojn: s-ro Hilary Chapman el Britio, s-ro Swietosław Fortuna el Pollando kaj s-ino Antoaneta Nikolaeva el Bulgario. La kunsido finiĝis per aplaŭdoj al la nova estraro kaj dankesprimoj al la antaŭa. Sekvis prelego de Antoaneta Nikolaeva pri la reformoj en la bulgara kortuma sistemo. Rafaela Urueña, KN 212

## Furoraj katoj en la reto

Studo de Jessica Gall Myrick ĉe la Fakultato pri Multrimedoj de la Universitato de Indiano (Usono) konkludis, ke la plej rigardataj filmetoj en la reto temas pri… – katoj! Sep mil enketatoj sciigis, ke katofilmetoj replenigas ilin per energio kaj forpuŝas negativajn sentojn. Tio povas soni ne tute novece, sed unuafoje oni pristudis la temon science kaj venis al la interesa konkludo, ke la temo "numero unu" de retaj filmetoj estas katoj.




Sub la titolo "Furoraj katoj en la reto" Francisco Veuthey, estrarano de la sola faka asocio pri besto, prezentis la temon kaj ilustris ĝin per sep tre variaj filmetoj: jen

rufa kato scipovas uzi klozeton, jen la heroa Tara el Kalifornio savas infaneton el la faŭko de Pitbull-hundo, jen kato laŭte protestas kiam forprenita el sia varmakva lavkuvo ktp. Ne mankis ĉapitro el la desegnita serio *Simon's Cat* (La Kato de Simono). La ĉeestantaro akompanis la surekranajn aventurojn per ridoj kaj aplaŭdoj.

Fortan aplaŭdon ricevis ankaŭ Marjorie Boulton, la fama poetino, konata ankaŭ pro sia granda amo al katoj, kiam ŝi surprizis la ĉeestantaron per subita enveno en la salonon.

Informojn pri Rondo "Kato" vi trovas sur p. 65 de la Jarlibro 2015. Kaj la filmeton, kiu fermis la kunsidon – pri la amikeco de la kato Fum kaj farma strigo Gebra el Katalunio vi trovos ĉe *https://www.youtube.com/watch?v=TNI3-Zbuy0s*

Francisco L. Veuthey, KN 950

## Korekto pri Aŭtora duonhoro

En la ĵaŭda numero de *Belfrido* aperis informo, ke en aŭtoraj duonhoroj Zlatko Tišljar parolos vendrede je la 12h00. Ĝi efektive okazos je la 17h00, kiam li prezentos siajn du novajn librojn: *Ekzistado – kibernetika klarigo de la mondo* kaj *Nekutime pri mult-io*.

## Videoraportoj pri la 100a UK

*El Popola Ĉinio* aperigis kelkajn videoraportojn pri la 100-a UK sur sia retejo, kaj pliaj sekvos. Vizitu: *http://www.espero.com.cn/node_7184255.htm*.

## Arta vualdancado

Vendrede je la 17h00 sur la MAS-scenejo, halo *Michaux*, eblos spekti prezenton de la dancistino Martina Sachs-Bockelmann, KN 1493. Pliaj informoj haveblas ĉe *masabo@hotmail.de*

## Aikido dum Kleriga Lundo

Kadre de la kleriga lundo unuafoje okazis seminario pri Aikido, organizita de la fondintoj de la iniciato AikidEo, kiu celas kunigi la fortojn de Aikido-praktikantoj kaj esperantistoj (*http://esperanto-aiki.de/o/eo*). Preskaŭ 80 samideanoj partoprenis. Mirejo Grosjean tre interese prelegis pri la historio de Aikido kaj ĝia rilato al Esperanto pere de Oomoto, kaj poste en gaja etoso la partoprenantoj per kunaj ekzercoj prezentitaj de Christoph Klawe havis la eblon mem esplori, ĉu la ki-forto, bazo de Aikido, vere ekzistas.

Christoph Klawe, KN 646

## Kunsido de la franca ILEI-sekcio

Vendrede je la 15h00 okazos en la Junulargastejo Jara Membrokunveno de GEE. Je la 14h30 antaŭ la enirejo de la kongresejo estos ĉiĉerono, kiu gvidos la homojn.

Monique Arnaud, KN 116




## Pri UK en Koreio kaj Slovakio

Korea Esperanto-Asocio (KEA) havis kunsidon kun dekoj da landaj reprezentantoj de UEA en la 29-a de julio en restoracio *Hermitage Gantois* por prezenti la UK-n en Seulo en 2017.

En la kunsido KEA klarigis la ĝisnunan preparadon de la Seula UK, kaj petis atenton de la kongreso. Precipe LKK de la Nitra UK akcentis kunlaboron kaj komunikadon inter la kongresontaj landoj.

Korea Esperanto-Asocio kaj Slovakia Esperanto-Asocio konsentis pri tio, ke la du landaj LKK-oj vigle kaj konstante komunikiĝu por sukcesaj UK-oj.

Lee Jungkee, KN 574

## Eŭropa Esperanto-Unio

Vendrede 31 jul 2015 je la 12h00 en la salono *Bakker* EEU prezentos siajn planojn en 2015-2016: Prilingva Eŭropa Konferenco en Nitra, Slovakio, kun partopreno de gravaj eŭropaj politikistoj, kiel membro de Eŭropa Komisiono; eŭropa prilingva portalo lingvo.info; disvastigo de la agado inter eŭropaj korusoj kanti la eŭropan himnon en Esperanto helpe de la nove eldonita disko kun la himno en Esperanto kaj melodioj de la eŭropaj naciaj himnoj; eldono de Libro pri la E-movado en EU; instigo al landaj asocioj kontakti ŝtatajn instancojn por proponi ke Esperanto fariĝu Kulturheredaĵo de ĉiu lando, kiel faris Pollando. Sekvos diskutoj kaj proponoj de la publiko.

Zlatko Tišljar, KN 492

## Niaj ĵurnalistoj kunsidis

Pli ol trideko da ĵurnalistoj, redaktoroj kaj interesiĝantoj pri TEĴA aŭskultis la agadraporton de la eliranta prezidanto Audrys Antanaitis, kiu oficis 6 jarojn. Dum la pridiskuto leviĝis proponoj pri seminarioj pri ĵurnalismo kaj diversaj aspektoj de artikolverkado, i.a. kadre de la UKoj. Aktuala estas ellaborado de konsilaro por artikol-verkantoj. Tion kaj multon alian alfrontos la nova estraro sub la prezidanto Alfred Schubert el Germanio, fakulo pri ĵurnalistiko, funkciado de la gazetaro nacilingva kaj Esperanta. Lin asistos la vic-prezidanto Audrys Antanaitis, radioĵurnalisto el Litovio. En la nova estraro krome membras Vytautas Šilas (LT), Dmitrij

Ŝevĉenko (RU), Dieter Rooke (CH), Margarita Želve (LV) kaj Abdurachman Junusov (RU). La estraro de TEĴA alvokas redaktorojn, ĵurnalistojn, artikolantojn kaj aliajn interesiĝantojn (re)membriĝi en TEĴA. Cetere, la membroj de TEĴA ĝuis en Lillo sian rajton je senpaga vizitado de la ŝtataj muzeoj. Halina Gorecka, KN 1684

## UEA en Esperanto dum Unesko-Forumo

UEA intervenis en Esperanto dum Unesko-Forumo en Pekino! La 5a Internacia Forumo de NRO-j, partneroj de Unesko, okazis en Pekino 27-28 julio 2015. UEA-n kaj TEJO-n reprezentis Ĝoja (Zhang Ping, Ĉinio) kaj Ĝojo (Hoan Tran), Vjetnamio.

La temo estis "Alproksimiĝo de kulturoj – Unu homaro malantaŭ la diverseco". Ĉirkaŭ 100 delegitoj el 30 landoj kaj 4 kontinentoj partoprenis.

Ĝoja laŭtlegis alparolon nome de UEA, en Esperanto, dum Ĝojo projekciis fotojn el nia 100a UK, traktanta la saman temon, kaj alvokis la ĉeestantojn konsideri la eblon uzi la ekzistantan neŭtralan lingvon Esperanto en interetnaj kontaktoj. La interpretistoj ricevis la tekstojn en la franca, angla kaj ĉina versioj, la laborlingvoj de la Forumo. Ĉiu delegito forte aprezis la uzon de tiu neatendita lingvo, la internacia, kaj petis informojn de niaj reprezentantoj post ilia interveno.

Gratulon al Ĝoja kaj Ĝojo, kiuj tre dankas la kontribuintojn, sendintajn fotojn, samkiel la helpantojn de la tekstotradukado. Stefano Keller, KN 54
Estrarano de UEA pri Eksteraj rilatoj



## Futbala matĉo: kiel veni?

Apogu nian Esperantan Selektitaron dum la oficiala matĉo “Zamenhof-Pokalo” kontraŭ la teamo de Okcidenta Saharo en la stadiono “Stadium Lille Métropole” en Villeneuve-d’Ascq! La matĉo okazos ĉi-vendrede ekde 17h30 sur la helpkampo apud la ĉefstadiono. Alvenu iom pli frue. De la stacidomo Lille-Flandres iru per metroo laŭ la linio 1 ĝis la stacio “Pont de Bois”. haltejo, la t.n. “Stadium”. La veturo de la kongresejo ĝis la futbalejo daŭras 30-40 minutojn.

## Grupa foto de partoprenintoj de la TEJO-kongreso 1961

Alvoko al ĉiuj kiuj partoprenis la TEJO-kongreson en Wokingham, Britio 1961. Bonvolu veni por grupa foto al Nivelo 8 (apud la kafejo) vendredon, 31 aŭg je 12h00. Angela Tellier, KN 979

## Fervojfaka vizito

Mardon la 28an de julio matene la trafikan regadcentrejon de stacio Lille-Flandres vizitis 35 kongresanoj. Tiun viziton proponis la franca sekcio de IFEF, Internacia Fervojista Esperanto-Federacio. Ĉar tiu laborejo estas gravega fervojista instalaĵo, la partoprenantoj antaŭ la vizito devis sendi kopion de sia nacia identigilo aŭ pasporto: tiel la fervojaj instancoj ricevis liston kun nomoj el 12 landoj, kio certe montris al ili la internaciecon de la grupo, kaj tiel samtempe reklamis pri la ekzisto kaj utileco de Esperanto!

Dum la unuhora vizito la kongresanoj-fervojistoj ricevis klarigojn de franca fervojisto pri tiu centrejo, kie tri deĵorantoj 365 tagojn jare tage kaj nokte kontrolas kaj regas la tutan trajntrafikon sur 300 km da grandrapidaj linioj inter Parizo kaj norda Francio, al la belga landlimo kaj al la Submanika tunelo.

Evidente la vizito plaĉis al ĉiuj partoprenantoj pro la afableco kaj kompetenteco de la klarigantaj fervojistoj, kaj eble ankaŭ pro tio, ke la tradukon faris franca fervojisto mem. Jean Ripoche, KN 778

## Plia poŝtelefona aplikaĵo kun Esperanto!

"Speak and Learn" estas la nomo de projekto, kiu enhavas 20 lingvojn, inkluzive de Esperanto! La projekto estis subtenita de EU, kaj partneris en ĝi E@I, tial aperas ankaŭ Esperanto kiel elektebla lingvo ene. La aplikaĵo ebligas lerni 380 bazajn frazojn, taŭgajn/utilajn ĉefe por Erasmus-studentoj. Eblas libere elekti de kiu lingvo kiun oni lernu, el la 20 ekzistantaj. Do troveblas ankaŭ la lingvo de la nuna UK (la franca) kaj de la estonta UK (la slovaka), kaj kompreneble Esperanto. La aplikaĵo estas senpage elŝutebla por 3 operaciumaj platformoj (iOS, Android, Windows) ĉe la hejmpaĝo: *www.speaklearn.eu*

## Junulara Programo de la UK

Bestoĝardeno, vizitado de bazaro, piknikumado kaj neforgeseblaj vesperoj – ĉu povas atendi vin eĉ pli? Jes ja, partoprenu vendrede en la salono *Lapenna* je la 12h15 la programeron TEJO sin prezentas, kaj vendrede vespere ni kune festos la lastan nokton, venu! Se vi ne jam estas en la WhatsApp-grupo de la junularo, skribu al *junularo@lille2015.fr,* por ke ni povu aldoni vin, kaj vi povu sekvi la informojn pri la vesperaj programoj. Por pliaj klarigoj iru al la budo de TEJO, kiu troviĝas proksime al la Libroservo. Veronika Poór, KN 142




KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Sabato, 1 aŭgusto 2015 N-ro 6

## Nova Ĝenerala Direktoro por Universala Esperanto-Asocio

Frue en la komitata kunsido en la centa Universala Kongreso estis publike anoncita la decido de la Estraro de UEA pri la nova Ĝenerala Direktoro. La decido favoris al Veronika Poór el Hungario. Tiu decido ja bezonis kelkajn tagojn post la intervjuoj, pro la alta kvalito de ĉiuj prezentaĵoj. La Asocio kore dankas al ĉiuj kandidatoj pro la proponoj kaj gratulas la sukcesinton.



Veronika Poór ekoficos ekde la unua de januaro 2016 kiel oficisto. Sekvos ĉirkaŭ dumonata transira fazo, en kiu la nuna kaj estonta direktoroj kunlaboros pri la transdono de taskoj, kaj post emeritiĝo de la nuna Ĝenerala Direktoro Veronika formale ricevos la oficon.

Jen konciza resumo pri la oficonto: Veronika Poór naskiĝis en 1983. Ŝi doktoriĝis pri fiziko, en la kampo de nanoteknologio. Ŝi kunfondis la retradio-kanalon Muzaiko kaj ŝi estas estrarano de TEJO, respondeca pri Aktivula Trejnado, Eksteraj Rilatoj, Homaj Rimedoj kaj Scienca kaj faka agadoj. En tiu rolo ŝi interalie verkis kaj kunverkis kvin retajn trejnadojn de TEJO, ŝi estis elektita por la Konsila Konsilio pri Junularo de la Konsilio de Eŭropo, ŝi superrigardis la kreadon de nova enkonduko por novaj membroj kaj ekorganizis Sciencajn Prelegsesiojn. Aldone ŝi grave kontribuis al la verkado de sukcesaj subvencipetoj de TEJO.

Post la anonco ŝi mesaĝis: "Mi kore dankas pro la fido kaj mi antaŭĝojas kunlabori kun vi!"

Prezentante la decidon, la prezidanto de UEA Mark Fettes gratulis la pliajn kandidatojn, kaj esprimis dankon pro la multjara sindediĉo de la nuna direktoro s-ro Osmo Buller.

Stefan MacGill, KN 56
Vicprezidanto de UEA

## Forumo pri Kapabligo pretigis rekomendojn

La dua de la kvar forumoj okazis en mardo la 28a de julio kun la temo 'Kapabligo'. Gvidis la sesion la prezidanto de UEA, kune kun la vicprezidanto, kiu ja respondecas en la estraro pri Kapabligo. La unua temo estis Aktivula Maturigo. Aldoniĝas al la du akceptitaj seminarioj (Slovakio, Nepalo) komence de 2016 tri pliaj proponoj, el Indonezio, Turkio kaj Italio (tiu lasta pri la trejnado de trejnistoj). Diskutita estis la bezono por pli serioza hejmpaĝo por AMO kaj por nova administra teamo. Kresketas la financaj rimedoj por la programo.

Dua temo estis la instruado, la kunlaboro kun ILEI kaj pliaj agantoj. Paralele kun okazigo de kursoj kaj trejnado, necesas elformi strategiojn por pli bone subteni mem-lernintojn, kiuj finis retkursojn kiel Duolingo aŭ uTalk, kaj bezonas gvidon al pliaj legaĵoj, revuoj, renkontiĝoj, por tiel plekti ilin en la komunumon. Konkreta plano estas revivigo de la projekto MITE – Modula Instruista Trejnado en Esperanto, por ke tia trejnado estu disponigata al homoj en mondpartoj, kie fizika trejnado ne atingeblas. Tuŝita estis la deziro iel akiri pli da financaj rimedoj, aldone al tiuj por Movada Evoluigo. Venis konsilo, ke UEA kaj ILEI kune proponu al instruistoj pli simplan manieron membriĝi per unu movo en ambaŭ organizoj – io diskutenda kadre de la renovigenda retpaĝaro de UEA. La sesio kreis serion da rekomendoj por trakto en la Komitata kunsido vendrede.

Forumo pri Kapabligo – Rekomendoj: Kadre de 90-minuta diskuto pri tri ĉefaj subkampoj de Kapabligo, la partoprenantoj konsentis pri jenaj rekomendoj al la plena Komitato:

▶

### 1. Aktivula trejnado

- Trovi administrajn fortojn por flegi la AMO-programon i.a. pere de asignitaj buĝetaj rimedoj.
- Krei pli adekvatan retejan vizaĝon por la AMO-programo, kiu fariĝu arkivo de seminariaj materialoj kaj laŭeble inkluzivu raportadon pri la postaj efikoj de la seminarioj.
- Realigi la projekton organizi la unuan seminarion kun la celo trejni trejnistojn, ekzemple en la kadro de la planata kvintaga seminario de TEJO en Italio, paskon 2016.
- Surbaze de la sukcesa sperto de TEJO, UEA esploru la eblojn proponi aktivulan trejnadon interrete, ankaŭ uzante la jam disponeblajn materialojn.

### 2. Kunlaboro pri edukado/instruado

- Starigi pli fortajn partnerajn rilatojn kun la ĉefaj organizoj aktivaj sur la kampo de instruado: ILEI, edukado.net, lernu.net, TEJO, la ekzamenaj staboj k.a. Tio povus inkluzivi apartajn komunajn strategiojn kaj projektojn en specifaj mondopartoj, ekz. en Afriko.
- Responde al la alfluo de novlernantoj per retaj kursoj, poŝtelefonaj programetoj k.s., kune kun tiuj partneroj ellabori strategion por stimuli kaj subteni plulernadon kaj enmovadiĝon, i.a. per taŭgaj retejaj rimedoj.
- Doni prioritaton en la instruakampo al la livero de kursoj konvenaj kaj allogaj por pli junaj homoj, kaj al la pristudado kaj plibonigo de kondiĉoj por memlernado de pli aĝaj homoj.

### 3. Rimedoj

- Kreskigi la financan bazon por kapabligaj agadoj preter la nunaj buĝetaj rimedoj.

Stefan MacGill, KN 56
Vicprezidanto de UEA

## Belartaj Konkursoj

### Rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA en 2015:

**Poezio:** Unua Premio: Mao Zifu pro "Memoro"; Dua Premio: Jorge Camacho Cordón pro "Kredo"; Tria Premio: Paulo Sergio Viana pro "Rimoj neperfektaj"; Honora Mencio: Jorge Camacho Cordón pro "Ĉiu nova persono" kaj Ewa Grochowska pro "Hajkoj". Partoprenis 38 verkoj de 19 aŭtoroj el 15 landoj.

**Prozo:** Unua Premio: ne aljuĝita; Dua Premio: Nicola Ruggiero pro "Burĝonos la migdalfloroj"; Tria Premio: Jesper Jacobsen pro "La tirkesto". Partoprenis 22 verkoj de 13 aŭtoroj el 13 landoj.

**Teatraĵoj:** Unua Premio: ne aljuĝita; Dua Premio: Nicola Ruggiero pro "Adiaŭ al la suno"; Tria Premio: Amin Naor pro "Bonaj intencoj". Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el kvar landoj.

**Eseo:** Unua Premio: ne aljuĝita; Dua Premio: Nicola Ruggiero pro "Pri mondo nokta, pleje mallogika"; Tria Premio: Davide Astori pro "Lingvoj, valoroj, kulturoj, mondkonceptoj en dialogo". Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el du landoj.

**Infanlibro de la jaro:** Eldonejo Erroteta pro la libro "Usoa venis fluge kaj sola kaj senvosta" de Patxi Zubizarreta, tradukita de A. Arana. Partoprenis 4 verkoj de 3 eldonejoj en tri landoj.

## Kunveno de AKEL

La membrokunveno de Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj okazis ĵaŭde matene je la 10h00 en la salono *Cart*. Ĉirkaŭ 50 personoj ĉeestis, inter kiuj nur malmultaj membras en la asocio.

La prezidanto Alain Favre (KN 1430) legis la agadraporton: IKEL ĉeestis la 98an Universalan Kongreson en Rejkjaviko, proponante fakan prelegon pri Skotlando, kaj la 99an en Bonareo per budo en la Movada Foiro. Ĝi kunorganizis la Katalunan/Okcitanan Kongreson en la Aranvalo (aŭtonomia okcitana regiono en la nordo de Katalunio). Delonge ĝi establis rilatojn kun diversaj etnoj, foje per interŝanĝo de revuoj. *Etnismo*, la revuo de IKEL, regule aperas dufoje jare. Ekde tiu ĉi jaro IKEL havas novan retejon kun nova simbolbildo: *www.etnismo.org*. La kasisto Xabier Rico Itturitotz (KN 4869) raportis pri la financoj. La tuta estraro estis unuanime reelektita. Dum diskuto pri diversaj temoj Stefano Keller (KN 54) rimarkigis, ke "ĉiuj esperantitstoj estas etnistoj" kaj ke la prezidanto Alain Favre kaj la vicprezidantino kulaboras en la UEA-teamo ĉe UN en Ĝenevo.

La kunveno finiĝis per interesaj vortoj de la kimra IKEL-membro Hilary S. Chapman (KN 199) pri la nuna statuso de sia lingvo. Pluraj ĉeestantoj profitis la okazon por membriĝi en IKEL.

Nicole Margot, vicprezidanto de IKEL, KN 1431

## Jara kunveno de IKEF

Je ĵaŭdo, 30 julio 2015, en la salono *Cart* de la 100a Universala Kongreso en Lillo, 12h15 ĝis 13h00, okazis la jara kunveno de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo. Ĉar la prezidanto kaj plejparto de la estraranoj ne povis ĉeesti, ĝi ne estis oficiala ĝenerala kunveno, sed nur neformala informkunveno. Estis ĉ. 25 ĉeestantoj. Roland Rotsaert, kasisto, malfermis la kunsidon, transdonante salutojn de la prezidanto Wang Tianyi (Ĉielismo). Tiu nun kun kelkaj aliaj estas negocanta kun ĉina kaj irana naciaj petrolkompanioj pri grava projekto. La kasisto mallonge prezentis la bilancon. En jaroj kiam ne estas oficiala ĝenerala kunveno, ĝi estas aŭtomate

konsiderata aprobita, se ne venas rimarkoj kelkajn monatojn post aperigo. Post tiu oficiala parto la ĉeestantoj havis eblon prezenti siajn proponojn kaj projektojn.

Roland Rotsaert, KN 208

## Universitato salutas la 100-an UK

Dekano de la Rusia Universitato de Amikeco de Popoloj, prof. V.V. Barabas, sendis mesaĝon al la 100-a UK, emfazante, ke kun studentoj el ĉ. 150 landoj lia universitato dividas kun Esperanto la idealon de internacieco. Li menciis, ke Esperanto estas instruata en lia universitato, kaj esploroj pri interlingvistiko, esperantologio kaj rilataj fakoj estas farataj de multaj fakuloj, inter kiuj meritaj fakuloj de internacia skalo. La dekano esprimis sian ĝojon, ke studentoj de lia fakultato partoprenas en la 100-a UK, inter ili ankaŭ finlernintoj de la programo "Baza kurso de Esperanto".

## Postkongreso P1

La buso, kiu veturigos la homojn al la PK-hotelo en Gent, foriros ĉe la enirejo de Grand Palais sabaton la 1an de aŭgusto inter 12h30 kaj 13h00. Vi povas kontakti la organizantojn:

Piet Glorieux, KN 1961, Tel. 0032 472257918
Arie Bouman, KN 252, Tel. 0032 499745201

## Skolta Esperanto-Ligo

En la kunveno de SEL, ĵaŭde 13h30 en la salono *Grębowski*, partoprenis 8 personoj. Oni aŭdis raportojn pri la laboro de la Verdaj Skoltoj, kaj pri la samtempe okazanta skolta ĵamboreo en Japanio.

Fabien Schudy, KN 1160

## Espéranto-France bonvenigas vin!

Vi eble vidis la budon "Espéranto La langue équitable" ĉe la enirejo de la kongresejo. Tie ni bonvenigas: ĵurnalistojn, kiuj vizitas la kongreson; eksteran publikon, kiu venas por la fulmkurso de Esperanto kaj vizito de la ekspozicio en la franca, kaj ĉiujn kongresanojn, kiuj deziras aĉeti oficialajn poŝtkartojn, poŝtmarkojn, flagojn kaj T-ĉemizojn (malfermo 11h00-13h00 kaj 17h00-19h00).




## Kunveno de ateistoj

Ĵaŭde la 30an de julio je la 16h30 okazis kunveno de ATEO, kiun gvidis Anna Löwenstein (KN 1948). Post skiza prezento de la temo "Ateismo kaj la rajto de libera esprimiĝo" Anna lasis la parolon al deko da kontribuantoj. Sekvis vigla kaj interesa debato antaŭ 75 ĉeestantoj. Malgraŭ komuna ĝenerala samopinio pri la esenco evidentiĝis, ke la kultura kaj landa situacio forte influas, kio ebligis elmontron de "libera esprimiĝo" inter la ĉeestantoj.

Christian Rivière, KN 505

## En UK Nitra 2016 ĉendancu baladojn!

Venontkongrese ni instruos la dancon, la kantojn, la muzikon kaj la rakontojn de baladoj.

Ĉendanci kantante estas malnova, iam tuteŭropa (kaj aliloka) tradicio, kiu nuntempe plu vivas interalie en Feroaj insuloj. Tie ĝi ne nur estas la kulmino de iu ajn festeno, sed ankaŭ helpas transvivigi la lingvon sub fremda influo, kaj krome transdonas la historion al la hodiaŭanoj. Ankaŭ al Esperanto utilos tiuj meritoj. Venu do al la venonta UK lanĉi ĉendancan kulturon en Esperantujon! Legu pri baladoj ĉe *http://nk.tone.se*, kie troveblas kaj la nove verkataj, kaj la malnovegaj, tradukitaj el la feroa kaj aliaj lingvoj.

Martin Strid, KN 2069 (*martin.strid@gmail.com*)

## Ekstera informado dum la UK

Vi eble rimarkis kelkajn afiŝojn, sagojn, informilojn, banderolojn ktp pri la kongreso en pluraj lokoj de la urbo Lillo. Jen laboro por videbligi la kongreson, finance subtenita de la kongresa kaso, de la vendado de varbanoncoj al lokaj restoracioj kaj firmaoj, kaj ĉefe de la membroj de Espéranto-France, kiuj donacis por tio pasintjare tra "Klubo 2000". Dankon al ili – kaj ankaŭ varmegan dankon al ĉiuj 25 helpantoj, kiuj kontribuis por disdoni tiun materialon okaze de ĉiuj publikaj eventoj dum la tuta semajno!

Bruno Flochon, KN 65

## SAT-Kongreso 2016 en Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo

Informoj por fru-aliĝantoj kaj interesiĝantoj pri la 89-a SAT-kongreso (16-23 julio 2016, Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo): la 1an de aŭgusto, je 9h30 kaj denove tuj post la Solena Fermo apud la scenejo en Michaux (nivelo 3). Zsófia Kóródy, KN 2139

## Go-ludo en la halo Michaux

Ĵaŭde posttagmeze en la halo *Michaux* aktivuloj de Esperantista Go-ligo Internacia, inter ili la nova prezidanto de la fakgrupo Jasuo Hori kaj Christoph Klawe, eksplikis la Go-ludon al interesataj preterpasantoj. Finiĝis la interreta turniro de EGLI, okazanta dufoje jare. Christoph Klawe, KN 646

## Via foto en la revuo *Esperanto*

Se vi fotos dum la UK en Lillo, jen via ŝanco konigi vian laboron al la tutmonda esperantistaro. Sendu viajn fotojn al la redakcio de la revuo *Esperanto*. La plej bonaj kaj trafaj estos elektitaj por ilustri la diversajn artikolojn kaj notojn de la septembra numero de la oficiala organo de UEA. Unu el la senditaj fotoj estos elektita por aperi sur la kovrilo.

Jen la reguloj: 1. La foto nepre estu sufiĉe densa por aperigo en papera revuo (minumume 1Mb; por la kovrilo 4Mb); 2. Ĉiu foto estu akompanata de mallonga priskribo; fotoj sen aŭ kun ne-klaraj priskriboj havos malpli grandan ŝancon esti elektitaj. 3. La fotoj estu senditaj al iu specifa dosierujo por via ekskluziva uzo en DropBox aŭ Google Drive (bonvolu kontakti la redaktoron pri tio: *redakcio@revuoesperanto.org*). Tamen, se vi preferas, sendu la fotojn per retletero; 4. La fotojn oni sendu prefere dum la UK, sed la redakcio akceptos fotojn ĝis la 6-a de aŭgusto; 5. Sur ĉiuj fotoj aperintaj interne de la revuo aperos la nomo de la fotisto; la nomo de la aŭtoro de la foto sur la kovrilo aperos reliefe en la kolofono (rubriketo "Ĉi-numere"). 6. La temo de ĉiu foto estu unu el la sekvaj: Prelegantoj dum sia programero; Ĉeestantaro en prelegoj kaj kunsidoj; La verva kongresa vivo; Personaj kontaktoj; Koridoraj babilado kaj renkontoj; Inter amikoj; Aktivuloj en laborkunsidoj; En la libroservo; Akceptejo; Grupoj; En turisma aranĝo; La urbo kaj la esperantistoj; La futbala matĉo; Aŭkcio; UEA-estraranoj agadas; Fake; Persone; Ĉefaj programeroj; Amuze; La amo; Internacia amikeco; Movada Foiro; Libera temo, laŭ viaj elektoj kaj vidpunkto.

Fabrício Valle, KN 2364

## Akademio Internacia de la Sciencoj

Ĵaŭde la 30an de julio je la 13h00 okazis en la salono *Michaux* AIS preparkunveno por la Ĝenerala Asembleo de AIS en Rimini (30/31 aŭgusto 2015). La potencialoj de la nuna AIS estis diskutitaj kune kun la neceso de reformado de la strukturo kreita en 1983. AIS ne estu kompleta universitato kun alternativa koncepto, sed klopodu kunlabore kun ekzistantaj universitatoj proponi universitatnivelan instruadon kaj partopreni en scienca esplorado, demonstrante eblon de alternativa komunikado.

H.M. Maitzen, KN 2228

## Prelego de Ludoviko Zamenhof

Brian Moon dum la "pilgrimo al Lillo" laŭtlegis la tutan prelegon de Ludoviko Zamenhof el la 5a de aŭgusto 1905. La plena teksto de la emociriĉa Bulonja parolado de Ludoviko Zamenhof, same kiel la tekstoj de ĉiuj Zamenhofaj paroladoj en la malfermoj de niaj kongresoj, estas legeblaj en la ĵus reeldonita kolekto “Kongresaj paroladoj”, kiu estas aĉetebla en la kongresa libroservo. La elektronika provlibro senpage elŝuteblas ĉe *http://esperanto-ondo.ru/Libroj/Libroj.php*

## TADEN kaj LIBE

Ĵaŭde posttagmeze kunsidis resp. kun 7 kaj 32 la partoprenantoj en la salono *Cart*. Rob Moerbeek, KN 43

## Novaj aliĝoj

2655 S-ro Stephen Keith Thompson, Francio
2656 S-ino Heide Isabel Schäffer Martinez, Meksiko
2657 S-ino Fruzsina Hodi, Hungario
2658 S-ino Csenge Monori, Hungario
2659 S-ino Ilona Henrietta Nyiri, Hungario
2660 S-ino Anett Garamvölgyi, Hungario
2661 S-ino Csilla Székely, Hungario
2662 S-ino Elisabeth Masala, Francio
2663 S-ro François Masala, Francio
2664 S-ro Gaëtan Masala, Francio
2665 S-ino Hélène Masala, Francio
2666 S-ro Joseph Masala, Francio
2667 S-ro Adrien Combes, Francio
2668 S-ino Anna Leibid, Ukrainio
2669 S-ro Baris Ozdizdar, Turkio
2670 S-ino Cornelia Luszczek, Germanio
2671 S-ino Daryna Lebid, Ukrainio
2672 S-ro Bruno Masala, Francio
2673 S-ino Emma Shapiro, Ukrainio
2674 S-ino Anne Masala, Francio
2675 S-ro Ivan Ivanov, Ukrainio
2676 S-ro Jordi Calafi Franquesa, Hispanio
2677 S-ino Ksenija Lebid, Ukrainio
2678 S-ino Léa Huart, Francio
2679 S-ino Liza Shapiro, Ukrainio
2680 S-ino Marie-Estrella Staes, Belgio
2681 S-ro Mark Shapiro, Ukrainio
2682 S-ro Rémi Szmereta, Francio
2683 S-ro Thomas Demeyere, Belgio
2684 S-ro Abhar Jaminon Premanand, Belgio
2685 S-ro Gawon Kim, Koreio
2686 S-ino Alice Potier, Francio
2687 S-ino Amanda Schmidt, Usono
2688 S-ino Annie Grente, Francio
2689 S-ro Eric Raynaud, Francio

**Ĝis la revido en la 101a UK en Slovakio!**






KONGRESA KURIERO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# Belfrido

Dimanĉo, 2 aŭgusto 2015 N-ro 7

## Rezolucio de la 100-a Universala Kongreso de Esperanto

La 2 695 partoprenantoj en la 100-a Universala Kongreso de Esperanto,

**kunveninte** el 82 landoj, de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 2015, en Lillo, Francio,

**diskutinte** la temon "Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj" en sep diversaj sesioj tra la kongresa semajno,

**volante kontribui** al la disvolviĝo de la Internacia Jardeko por la Alproksimiĝo de Kulturoj proklamita de Unesko,

**konstatas**, ke interkultura dialogo estas same urĝe necesa hodiaŭ, kiel ĝi estis antaŭ 110 jaroj, kiam okazis la unua Kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-Maro;

**asertas**, ke por vere interkomprenigi la homojn, tiu dialogo devas esti afero ne nur de la cerbo sed ankaŭ de la koro, kunplektanta klerigon kaj kundiskutadon, arton kaj amikecon;

**atentigas**, ke ĝuste tian multflankan interkulturan dialogon praktikas kaj disvolvas la tutmonda Esperanto-movado en siaj centoj da kongresoj kaj renkontiĝoj ĉiujare;

**instigas** ĉiujn aliajn aktivulojn kaj movadojn por interkultura dialogo doni pli da atento al la lingva dimensio de sia laboro, kaj al la reala funkciado de Esperanto kiel lingvo inkluziva kaj egaleca, kies uzado povas plifaciligi kaj pliprofundigi tian dialogon;

**ree dediĉas** sin al la kultivado kaj disvastigado de la valoroj de reciproka respekto, paco kaj justeco inter ĉiuj homoj, konforme al la celoj de Unesko kaj kunlige kun la aktualaj streboj de Unuiĝintaj Nacioj por konstrui daŭripovan mondan socion.

Lillo, Francio, la 1-an de aŭgusto 2015

## UEA premiis 12 elstarajn agantojn

En la Solena Fermo de la 100-a UK estis anoncitaj la nomoj de 12 ricevantoj de Diplomo pro Elstara (Arta) Agado. Tiuj diplomoj estas aljuĝataj de la Estraro de UEA. Jen la ĉi-jaraj distingitoj:

### Diplomo pri Elstara Agado:

**Ana Manero** (Hispanio) pro la gvidado de la projekto Bitoteko de Hispana Esperanto-Federacio;

**Birthe Lapenna** (Danio) pro konservo de la materialoj pri la Montevidea rezolucio kaj cetera arkivo de Ivo Lapenna ĉe la Dana Ŝtata Arkivo;

**Chuck Smith** (Germanio) pro la realigo de la Esperanto-kurso en Duolingo;

**Doi Chieko** (Japanio) pro longtempa redaktado de "Esperanto en Azio";

**Francisco L. Veuthey** (Nederlando) pro la realigo de 75 filmoj por la Reta Kinejo de UEA;

**Ilona Koutny** (Pollando) pro la gvidado de la Interlingvistikaj Studoj ĉe la Universitato A. Mickiewicz en Poznano;

**Ĵak Le Puil** (Francio) pro la eldonado de la revuo "La KancerKliniko" ekde 1976;

**László Szilvási** (Hungario) pro informa kaj ĵurnalisma Esperanto-agado;

**Richard Delamore** (Aŭstralio) pro la realigo de la reta Esperanto-Televido;

**Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia** pro la organizado de Esperanta Filmfestivalo.

### Diplomo pri Elstara Arta Agado:

**Rogener Pavinski** (Brazilo) pro kontribuado al la muzika Esperanto-kulturo;

**Wang Chongfang** (Ĉinio) pro esperantigado de ĉina literaturo kaj pro vortara laboro.

## Premio Deguĉi 2015 al Éva Farkas-Tatár



Premio Onisaburo Deguĉi estis starigita per donaco de Oomoto en 1987 kaj konsistas el diplomo kaj monsumo de 2000 eŭroj. Ĝi estas aljuĝata pro meritoj en la utiligo de Esperanto laŭ la idearo de d-ro Zamenhof kaj Onisaburo Deguĉi, kaj pro kontribuo al la celo de UEA kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj komprenon kaj estimon por aliaj popoloj.

En 2015 la premion ricevis s-ino Éva Farkas-Tatár el Hungario. Ŝi naskiĝis en 1924 kaj lernis Esperanton en 1961. En 1962 ŝi partoprenis la UK en Kopenhago, kiu tiom ravis ŝin, ke ŝi decidis dediĉi sin al la instruado de Esperanto. Por perfektiĝi pri tiu arto ŝi iris al la UK en Hago en 1964 por sekvi lecionojn de Andreo Cseh. Tiel komenciĝis 50-jara instrua agado en multaj landoj kaj ĉe multaj UK-oj k.a. renkontiĝoj. Ŝi revenigis la Cseh-metodon al ĝia kerno: la gaja, luda maniero, dank' al kiu la lernantoj tuj ekparolas Esperante. Tiun arton ŝi transdonis al multaj novaj instruantoj, kiujn ŝi trejnis per Cseh-seminarioj, interalie en UK-oj.

## Komitato vendrede – tri horoj apenaŭ sufiĉis

La Komitato aŭdis anoncon pri la nova Ĝenerala Direktoro de UEA, poste traktis la kvar forumajn raportojn kaj – foje kun etaj revortumoj – akceptis ilin. Sekvis diskutoj pri la nova rilato inter UEA kaj TEJO. La Komitato akceptis kun granda plimulto la unuan proponon, kiu konfirmis la principon, ke TEJO bezonas pro la eksteraj rilatoj prezenti sin kun karaktero de sendependa organizo. Tiucele estas proponata nova vortumo por Statuto de TEJO, kiu estos suplementita de Reglamento de TEJO por kovri tiujn punktojn, kiuj ne meritas eniri statuton, sed kiujn tamen necesas fiksi. La tria el la trojko da dokumentoj estas interkonsento pri la rilatoj inter UEA kaj TEJO, kiuj kovros i.a. financajn kaj administrajn aspektojn de la kunekzistado, sed kies tekston necesas ankoraŭ difini. La Komitato konstatis, ke la definitivigo de tiuj dokumentoj ja bezonas detalan studon rilate la postulojn de la nederlanda leĝo, ankaŭ fare de advokatoj. Dua propono, kiu permesas pluiron al tiuj konsultadoj kaj analizoj, estis subtenata de la Komitato, sed kun iom malpli da voĉoj. En la diskuto estis projekciita unuminuta filmo pri la eksteraj rilatoj de TEJO inter junularaj organizoj eŭropaj kaj mondaj. Eble temas pri la unua fojo, kiam komitatanoj spektis filmon apoge al la diskutoj. Plie la Komitato akceptis provizore la proponitan Regularon pri Konfliktsolvado, kiu revenos al la Komitato en Nitro por rediskuto surbaze de unujara sperto. Ĝi akceptis la buĝeton por 2016, kune kun amendopropono pri la unuopaj rubrikoj ene de la sekcio Movada Evoluigo. Ĝi akceptis ankaŭ la raporton kaj buĝeton por la fondaĵoj. Laŭ rekomendo sub 'Komunumo', la Komitato estonte ricevos la spezokontojn de okazintaj Universalaj Kongresoj.

## TEVA-agado dum la UK

Marde dudeko da membroj de TEVA konatiĝis kun Paola Giommoni, la nova sekretario de TEVA. La prezidanto Christopher Fettes anoncis sian retiriĝon kaj elektojn por la nova prezidanto. Membroj estas alvokataj kandidatiĝi. Krome kelkaj membroj prezentis sin kaj sian agadon. Merkrede ni manĝis en bona etoso 33-ope vegane en itala restoracio. Ĵaŭde pli ol 60 interesiĝantoj, membroj kaj nemembroj, ĉeestis la publikan kunvenon de TEVA. La nova sekretario Paola Giommoni kaj la eksiĝanta prezidanto dankis al la antaŭa sekretario Heidi Goes pro ŝia sepjara laboro kiel sekretario, kaj plejparte ankaŭ kiel kasisto, kaj lastatempe krome kiel retejestrino. Ankoraŭ serĉatas nova retejestro. Alex Cesário montris filmeton kaj parolis pri veganismo. Ni aŭdis plendojn pri la vegetaraj manĝoj en la universitata manĝejo kaj en la bankedo. Malgraŭ niaj provoj antaŭ la kongreso insisti pri bonkvalitaj manĝoj, tio ne havis rezulton. La alvoko sendi tiujn plendojn al la Kongresa Fako de UEA, kaj tiel atentigi ilin pri tio ke ili malatentas multajn vegetaranojn kaj eĉ pli la veganojn, ricevis unuaniman aplaŭdon. Feliĉe Peter Baláž, prezidanto de la LKK en Nitra, kie okazos la sekva UK, tute bone konscias pri la afero, kaj antaŭvidas eblojn manĝi vegetare, vegane kaj krude en la kongresejo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Li konsciigis nin, ke li kaj ankaŭ sekvaj LKK-prezidantoj ĉi-rilate tamen bezonos ankaŭ la subtenon de la Kongresa Fako. Sekvis ankoraŭ anoncoj de Francesco Maurelli pri kunvenoj de la Eŭropa Vegetarana Unuiĝo, kie prefere aliĝu TEVA-anoj. Kiel prezidanto de EVU li jam ne plu povas facile reprezenti kaj puŝi Esperanton.

Heidi Goes

## Utilaj ligiloj al prikongresaj informoj

Fine de la fermo de la UK en Lillo, kiam okazis la transdono de la flago al reprezentantoj de la sekva UK, intervenis neatendita edziĝpeto. Vidu ĉe: *https://youtu.be/WAqtaA_eAhk.* Mallonga belga franclingva raporto pri Esperanto okaze de la malfermo de la UK 2015 en Lillo, elsendita en dimanĉo la 26a de julio: *http://www.rtl.be/videos/video/543795.aspx.* Seso da raportaĵoj pri la kongreso estis dissenditaj de la Pola Retradio, pretigitaj de la estrarano Barbara

Pietrzak: *www.pola-retradio.org* kaj *https://www.facebook/groups/pola.retradio*. Video-prezento de la malfermo de la UK en Lillo, paĝo "Chaine des enfants bilingues", sekvu la ligilon *https://www.youtube.com/user/enfantsbilingues.* La kongresaj kurieroj *Belfrido*, redaktitaj de Stano Marček, elŝulteblas de: *http://uea.org/kongresoj*. Informoj pri la paroligaj kursoj sub la gvido de Katalin Kováts kaj Sylvaine Lelarge, pri Esperanto (80 kursanoj sur elementa nivelo, kaj 150 sur progresiga), pri la franca (80 komencantaj kaj 60 progresantaj) kaj ankaŭ pri la KER-ekzamenoj (56 kandidatoj el 17 landoj) troveblas ĉe: *www.edukado.net.*

## Tria trinkakva projekto de Kampara Solidareco en Kalima, Maniema Provinco en D.R. Kongolando

Kampara Solidareco estas neregistara organizo, kiu fondiĝis en la jaro 2006 de la esperantisto Etienne Katcheleva. Ĝia celo estas lukto kontraŭ malriĉeco en Kalima kaj la apudaj vilaĝoj. Krom legomkultivado, porko-breda kaj fiŝbreda projektoj ili ankaŭ celas provizi al ĉiuj loĝantoj puran akvon.

Antaŭ tri jaroj nur 2% el la 136 000 loĝantoj havis puran akvon. En 2015 jam 10% havas puran akvon. 90% el la loĝantoj ankoraŭ atendas, ke ankaŭ ili iam trinku puran akvon. La plibonigo de la akvo-situacio okazis, ĉar Kamparana Solidareco sukcese plenumis du projektojn en la jaroj 2013 kaj 2014. En 2013 per subvencio de 3 000 eŭroj ili riparis la akvo-pumpilon en Kalima Ĝenerala Hospitalo. Pro tio la hospitalo nun havas puran akvon. En 2014 per subvencio de 10 000 eŭroj 3 000 personoj nun havas publikan kranaron kun pura akvo (vidu la suban foton).

En 2015 Kamparana Solidareco planas havigi puran akvon al kvartalo, kie loĝas 4 800 homoj. La projekto kostos 11 000 eŭrojn. AVE (Esperantistaj Verduloj) jam ricevis 6 840 eŭrojn de fonduso kaj personaj donacoj, i.a. de bonkoraj kongresanoj. Tamen ankoraŭ mankas al la projekto 4 160 eŭroj. Karaj samideanoj, bonvolu helpi. Kontribuu, mi petas al la UEA-konto de AVE avex-z. Nome de Kamparana Solidareco kaj AVE mi antaŭdankas vin.

Betty Chatterjee, K.N. 228





## Aŭkcio sukcesa

Se estas kongresa vendredo, devas esti aŭkcio. Vidu la supran foton de la aŭkciisto Humphrey Tonkin en plenverva pozo. Raportas Osmo Buller, la Ĝenerala Direktoro: “La rikolto de la ĉi-jara aŭkcio iĝis nekutime granda: 4025 eŭroj. La plej altan prezon atingis, ne surprize, la letero de L.L. Zamenhof el 1908, kiu kostis 1100 eŭrojn.”

## Salutvortoj de la urbestro de Herzberg

Estimataj partoprenantoj de la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo, Francio,

Kiel nova urbestro de Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, la unuan fojon mi sendas korajn salutojn al vi kaj okaze de la grava jubileo de via tutmonda agado, la 100-a Universala Kongreso.

Mi gratulas vin pro la taŭge elektita ĉeftemo *Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj*, kiu reflektas la aktualecon de la bezono de tia dialogo ne nur en la nuntempa Eŭropo, sed ankaŭ kun loĝantoj de aliaj mondpartoj.

Estrante urbon, kiu havas multnacian loĝantaron kaj kien daŭre alvenas novaj homoj, familioj kun diversaj lingvaj kaj kulturaj fonoj, mi ĉiutage spertas la malfacilaĵojn pro tiuj diversecoj, kaj bone vidas la unikan rolon de Esperanto kiel neŭtrala komunikilo, pontolingvo, perilo por artoj kaj kulturaj valoroj.

Ni certas, ke per nia ekzemplo kiel ‘Esperanto-urbo’ ni multe kontribuas al via tutmonda agado por Esperanto.

Ne eblos organizi en nia urbo la mondkongreson, sed volonte ni subtenos la organizadon de internaciaj Esperanto-konferencoj, seminarioj kaj renkontiĝoj kaj en la jaro 2016 la 10-jaran jubileon de la kromnomo Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo.

Dezirante al vi sukcesan jubilean kongreson en Lille,

Lutz Peters, urbestro de Herzberg am Harz,
la Esperanto-urbo




## Surprizoj en la fermo

Denove plenis la salono Zamenhof por la Solena Fermo de la centa Universala Kongreso. Post bonvenigo, prezento de la podianoj kaj agnosko pri la ĉeesto de la slovaka ambasadoro en Belgio kaj la urbestro de Nitro, nia sekvajara kongresurbo, okazis silenta ekstaro pro forpasintaj Honoraj Membroj kaj membroj de la Honora Patrona Komitato kaj pliaj aktivuloj. Sekvis raportoj de estraranoj pri la kongresaj okazaĵoj laŭ la kategorioj de la Strategia Plano plus resumo pri junularo:

**Konsciigo** (Keller): Pri kunsido de la laborgrupo pri eksteraj rilatoj (KRIO), la konsciiga forumo kaj planoj konigi la kongreson tra la mondo.

**Kapabligo** (MacGill): Pri la Tago de Lernado, la kapabliga forumo, la Kleriga Lundo, Internacia Kongresa Universitato (IKU), ekzamenoj kaj kursoj dum UK.

**Komunumo** (Lee Jungkee): Pri Movada Foiro, la kuriero, kultura programo, fakaj kunsidoj, la scienca kafejo, film-festivalo kaj futbalmatĉo, ĉesigita mezvoje pro priŝteloj de ludantoj.

**Kunordigo** (Fettes): Pri la aldono de nova landa asocio el Indonezio, rilatoj kun TEJO kaj ILEI, informaj laboroj ĉirkaŭ la kongreso, retejoj, kotizreformoj kaj markado de la dudeka datreveno de la Manifesto de Prago (Prago +20).

**Junularo** (Mandirola): Pri la junulara programo, la graveco de sendependeco de TEJO, kunlaboro kun UEA pri Aktivula Trejnado, kampo subvenciata pere de programo Erasmus+ , invito al la 71a IJK (kie la raportinto antaŭ kelkaj horoj iĝis la prezidanto de TEJO).

Barbara Pietrzak anoncis la gajnintojn en Belarta Konkurso kaj pri la ricevanto de la Premio Diana Aitai. Stefan MacGill laŭtlegis diploman tekston pri la Premio Deguĉi kaj skizis la vivhistorion de la ricevinto s-ino Éva Farkas-Tatár el Hungario. José Antonio Vegara transdonis diplomojn pri Elstara Agado kaj Elstara Arta Agado, kies listigo aperas sur p. 1 kaj en Gazetara Komuniko 584. Kompletige, la Ĝenerala Sekretario Martin Schaeffer transdonis diplomojn pro 40- kaj 50-jaroj da kontinua membreco en UEA.

Post muzika paŭzo, Elizabeth Schwarzer (DE) kaj Paŭlo Viana (BR), s-ro Usui Hiroyuki (JP) prezentis la kongresteman teamon: Li skizis la prezentaĵojn en la sesioj de la kongresa temo, inter ili de Ilona Koutny (PL) kaj Giridhar Rao (IN). S-ro Usui laŭtlegis la proponatan Kongresan Rezolucion, kiu estis konfirmita per aplaŭdo. La teksto disiris ene de Gazetara Komuniko 584. El tio ni eksciis, ke la fina aliĝnombro estis 2695 kongresanoj el 82 landoj.

Kvardeko da infanoj kaj prizorgintoj de la Internacia Infana Kongreseto (IIK) venis podien kaj faris kantajn kaj aliajn salutojn.

Denove stare kaj sen notoj estis liverita la ferma alparolo de prezidanto Mark Fettes, komencita per klarigo, ke la Fermo malsamas al la Inaŭguro, ĉar estas pli klare 'nia familia afero'. Li aludis al tiu sento de proksimeco kiu estiĝis, kaj kiu iru kun la kongresintoj hejmen. Li skizis sian historion ĉe UK kun la unua partopreno en Vankuvero en 1984, komentante, ke ĉe tia nova sperto povas esti pene orientiĝi en la bunto. Sed la unua kongreso estas grava paŝo de eniro en nian komunumon. Kiel novulo li tendencis esti senpacienca – volis enkonduki multon novan por sproni la aktivularon. Li restas senpacienca kaj konservas ambiciajn celojn por la Asocio, kaj ĝuste tio pelis lin al kandidatiĝo por la gvida rolo de prezidanto: "Gravas adapti nin al la bezonoj kaj fluoj de la dudekunua jarcento". Kun la paso de jaroj, li pli aprezas la kongresan tradicion, la kuniĝon de amikoj. Kiel diris la rezolucio: 'proksimiĝo ne nur de la kapoj, sed ankaŭ de la koroj.' Estis elementoj novaj kaj unikaj en la nuna kongreso – amalgamo de tradicio kaj novigoj. Forto de UEA, iusenca miraklo – kiel pri Esperanto mem – estas ĝia kapablo prezenti tegmenton por vasta gamo da deziroj, por samideanoj kaj malsamideanoj. Personigita ekzemplo de la teno de tiuj valoroj estas nia nuna, emeritiĝonta Ĝenerala Direktoro, Osmo Buller. Li havas enciklopedian konon pri UEA kaj la movado. Fettes agnoskis apreze lian oficistecon tra 30 jaroj, el kiuj 17 kiel Ĝenerala Direktoro, donacante al li florbukedon kaj la ĵus aperintan libron *Historio de la Esperanta Literaturo*. Kadre de la fermo li anoncis monkolektadan apelacion por la sesa Afrika Kongreso de Esperanto (AKE), okazonta en Burundo en aŭgusto 2016. La fina saluto: "Ĝis revido en Nitro!"

Clay Magalhäes (KKS) dankis al la Loka Kongresa Komitato (LKK), kaj vokas ilin sur la podion. Ĉiuj portis samspecajn kongresmemorajn pajlajn ĉapelojn kaj ricevis rozon. LKK-prezidanto Xavier Dewidehen resumis la multajn atingojn de la UK. La nomoj de centoj da helpantoj tute plenigis la gigantan malantaŭpodian ekranon; ankaŭ ili estis invititaj iri podien.

Okaze de la transdono de la flago surprizis la salutoj de la urbestro de Nitro, s-ro Jozef Dvonč, kaj la ambasadoro de Slovakio en Belgio, s-ro Stano Valo. Ambaŭ salutis amplekse en tute laŭdinde bona Esperanto. La prezidanto de la sekva LKK Petro Baláž parolis pri la historio de Esperanto en Slovakio, sed plej grandan surprizon li konservis al la fino, kiam li vokis plurjaran kunlaborantinon, Dorota Rodzianko, al la podio kaj antaŭ maksimuma publiko faris geedziĝproponon.

Post kanto de la Himno, la prezidanto proklamis la centan UK fermita. Venis al fino la laŭdinda realigo de nia centa, jubilea kongreso.

Stefan MacGill, KN 56
Vicprezidanto de UEA